Xa jaro. No 149 (13) ☆ Duonmonata ☆ 20 Julio 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono | 2. — Sm. | (5 fr. —) |
| Luksa eldono | 2. 50 Sm. | (6 fr. 25) |

*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*
*Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*

REKLAMO

| | | |
|---|---|---|
| Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) | 20 Sd. | (50 ct.) |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 16 Sd. | (40 ct.) |
| Korespondado (1 enskribo) | 20 Sd. | (50 ct.) |

*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## La komerca ĵaluzo kaj la internaciaj rilatoj

La ideo konsideri la naciojn kiel komercajn konkurantajn korporaciojn estas ofte uzata en la ĉiutaga konversacio; oni ĝin konsideras kiel verajon, kies evidenteco ne bezonas pruvon. Eĉ inter la pacifistoj ni ofte aŭdas, ke la militon devas anstataŭi la komerca konkurado, kaj la frenezan vetbatalon pri la armadoj nobla industria rivaleco. Iuj asertas, ke Anglujo perdas sian antaŭan komercan superecon pro la konkurado de la fremdaj nacioj sur la tutmonda vendejo; aliaj, ke Eŭropo estas minacata de la senĉese kreskanta produktpotenco de Ameriko; aliaj, fine, opinias, ke la malkareco de la laboro de l'flavrasuloj estos mortiga bato al la industrioj de la malnova mondo.

Tiuj opinioj kaj la rilataj konkludoj troviĝas ne sole en la banalaj konversacioj de la profanoj aŭ en la kolonoj de la malbone informitaj gazetoj; oni trovas ilin tre ofte eĉ en verkoj, kiuj pretendas havi gravan sciencan valoron. „La ĉefkaŭzo de la internacia rivaleco estas la neeviteblaj konfliktoj, kiuj rezultas de la komerca konkurado — ĝi estas la batalo por la ĉiutaga pano“. Kaj admiralo Mahn certigas al ni, ke la deziro de la nacioj pligrandigi ilian teritorion estas prava, je la ekonomia vidpunkto, ĉar la posedo de kolonioj kaj la konkurado de provincoj prezentas por iu lando tian saman profiton, kian ĝuas la ŝtaltrusto, kiam ĝi posedas la minteritoriojn, kiujn ĝi ekspluatas.

Rezonante tiamaniere oni konfuzas nacion kun komerca korporacio; oni do konsideras ĝin kiel truston.

Momenteto de pripenso sufiĉas por montri, kiel absurda estas tiu konfuzo. Nenio estas pli erara ol prezenti la naciojn kiel rivalajn grupojn; nenio estas pli kontraŭa al la realeco.

Unue, ni rimarku, ke — ekster pri la transportoj kaj, en certaj okazoj, pri la fabrikado de alumetoj kaj tabako — la nacioj ne estas komercaj korporacioj; ili estas grupoj formitaj ĉirkaŭ komuna politika idealo kaj celantaj la plenumon de diversaj administraciaj servoj similaj al tiuj, kiujn prizorgas la estraroj de niaj vilaĝoj, urboj aŭ provincoj. Inter Germanujo kaj Francujo ne ekzistas plia rivaleco ol inter Berlin kaj Frankfurt. La ŝtato nek posedas, nek ekspluatas la minojn, la kamporiĉaĵojn, la fabrikojn, kiuj troviĝas interne de ĝiaj limoj. Ĝi nur respektigas sian leĝon, garantias la posedrajton de la aliaj homoj, de la akciuloj, kiuj ofte eĉ estas fremduloj.

Aneksi novajn teritoriojn ne pli influas la ekonomian situacion de tiuj akciuloj, ol se urbo aneksas la ĉirkaŭurbojn. Povas esti, ke okaze unu aŭ la alia gajnas aŭ perdas en tia operacio, sed la kresko de la privata riĉaĵo neniel estas la nepra konsekvenco. Se ne, oni rajte povus diri, ke la loĝantoj de Toulouse estas pli riĉaj ol tiuj de Tours, kaj la Berlinanoj pli riĉaj ol la Frankfurtanoj. Kiu kuraĝus difini la riĉecon de privatulo bazante sur la nombro de la loĝantoj de lia urbo?

Sed ĉio tio ne ankoraŭ plene montras, kiel absurde estas konsideri nacion kiel komercan firmon. Estas tiel malĝuste prezenti nacion kiel konkuranton de alia nacio pri ia ajn industrio, kiel prezenti la naciojn kiel ekonomiajn individuojn en la internacia komerco. Absolute malĝuste estas starigi la germanan industrion kontraŭ la angla, kredi, ke al gajno de Germanujo respondas malgajno de Anglujo aŭ reciproke. Simila rilato ne ekzistas. En tiu senco, la esprimoj „angla industrio“ aŭ „germana komerco“ montras nenion realan. Metalurgiiston en Birmingham povas konkurenci metalurgiisto en Glasgow, Belfast aŭ Pittsburg, tiel same kiel fremdulo. En nia epoko de ekstrema labordivido, diri ke la angla popolo suferas de la germana konkurenco estas tiel absurde kvazaŭ oni dirus, ke la blondharaj popoloj suferas de la najbareco de la nigraharaj popoloj.

Kion ni komprenas sub la esprimo „germana komerco?“ Por tion klarigi ni uzu la ekzemplon de metalurgiisto en

Essen. Tiu metalurgiisto en Essen fabrikas lokomotivojn por fervojo, kiu per kapitaloj subskribitaj en Parizo konstruiĝas en Arĝentino, por faciligi la transporton de lano al Bradford, kie tiu komerco disvastiĝis rapide, ĉar tiun artiklon oni deziras en Usono, kie la nombro de la ŝafoj malgrandiĝis, pro la ekspluato de la kampoj. Sed sen tiuj en Parizo subskribitaj kapitaloj, kiuj eble estas la produkto de abundaj vin- aŭ olivrikoltoj venditaj en Londono kaj Nov-Jorko, kaj sen tiu lano, kiun bezonas la Bradford'a fabrikisto por fari la kovrilojn menditajn de la ministoj de Montana okupataj je la fabrikado de kupraj kabloj destinitaj por ligi Ĥinujon al la cetera mondo — sen tiuj kapitaloj kaj sen tiu lano, kaj sen multo de aliaj cirkonstancoj agantaj kaj reagantaj unu je la alia sur la tuta terglobo, la Essen'a metalurgiisto ne ricevus la mendon de lokomotivoj. Ĉu en tiaj kondiĉoj oni povas konsideri tiun fabrikaĵon kiel elementon de la sola „germana" industrio? Ĉu oni povas ĝin kontraŭstarigi al la angla aŭ al la franca industrio, se entute ĝi kontraŭe estas konsekvenco? Oni eble diros, ke se la Essen'an fabrikiston oni estus malhelpinta fabriki lokomotivojn, angla entepreno ilin farus. Al tio ni respondos, ke la germanoj, kiuj fabrikis la lokomotivojn por Arĝentino trinkas kafon el Brazilujo, por kies ekspluatado oni uzas ilojn el Sheffield. Sekve, se la detruo de la Essen'a metalurgia entrepreno eble profitus al angla konkuranto, ĝi eble malprofitus al angla fabrikisto de kampaj iloj. En la tuta serio de la jusaj operacioj, la ekonomiaj bezonoj naskas unu la alian super la landolimoj.

Por senti, kiel absurda estas la teorio, laŭ kiu la komerca kaj industria konkurenco interbataligas ne sole la homojn, sed ankaŭ la naciojn, sufiĉas ĝin apliki al la jena fenomeno. Laŭ la klasigo ĝis nun akceptita, oni konsentas pri tio, ke Anglujo okupas la unuan vicon pri la ekstera komerco kaj ke ĝi sekve plej multe suferas pro la fremda konkurenco. Ni supozu, ke ĝi sukcesis neniigi siajn konkurantojn. Ĉu ĝi estos pli riĉa? Tute ne. Ne sole ĝi bankrotus, sed milionoj de Angloj — pli ol la triono — mortus de malsato kaj mizero.

Parolante pri konkurenco oni facile forgesas, ke la komerco estas nur interŝanĝo. Necese estas, ke la aĉetanto povu pagi sian aĉetaĵon. Li povos pagi nur se li mem ion vendas. Kiu nenion vendas, tiu nenion povas aĉeti. Tiu vero taŭgas tiel por la nacioj kiel por la homoj. Ju pli danĝeraj konkurantoj ili estas, des pli bonaj klientoj. Ni eĉ povas diri, ke rilate al komerco kaj industrio la nacioj plej similaj inter si reciproke estas la plej bonaj vendejoj unu de la alia. Ni ekzemple konsideru Anglujon kaj Belgujon. Anglujo vendas proporcie pli multe al Belgujo, esence industria lando, ol al Kanado aŭ Rusujo, landoj esence terkulturaj.

En la lastaj jaroj oni en Anglujo publikigis multajn ciferplenajn verkojn, kiuj penas montri, ke Germanujo nepre devas akiri la anglajn koloniojn por nutri sian troan loĝantaron. Neevitebla estas la milito, skribas unu el tiuj aŭtoroj, ĉar ĝi estas la kondiĉo mem por la ekzisto de la nacioj. Pro la ĉiujara kresko je unu miliono, Germanujo por nutri kaj vesti tiun pluan loĝantaron bezonus la tritikon el Kanado kaj la lanon el Aŭstralio. La milito estus do neevitebla necesaĵo.

Okulvidebla estas la absurdeco de tiu rezonado. La germanoj povas kaj ĉiam povis, kontraŭ mono, ricevi la lanon el Aŭstralio kaj la tritikon el Kanado, kiujn ili bezonas. Ĉar la sklaveco ne plu ekzistas, la prezo de lal ano kaj de la tritiko ne multe plialtiĝus, se Germanujo okupus la du supre aluditajn landojn. Ne malpli eraras la angloj, kiuj opinias, ke ili povas forigi la germanan konkurencon detruante la germanan ŝiparon kaj malpligrandigante la influon de la imperia registaro. Se iam Germanujo ne plu havus unu militŝipon, ĝi tamen havus ankoraŭ 65 milionojn da loĝantoj, kies agemeco restus atentinda faktoro en la mondproduktado.

Alia aŭtoro eĉ asertas, ke se la germanoj havus la maran superregadon, tiuj ĉi zorgus, ke la angloj ne plu povu ion fabriki kaj vendi, kaj sekve devu ĉion aĉeti. Sed mi jam montris, ke kiam la loĝantoj de Lancashire ne plu povos vendi siajn produktojn, ili ne plu havos la eblecon aĉeti la produktojn de la aliaj.

La loĝantoj de Sud-Ameriko aŭ de Ĥinujo aĉetas kampajn ilojn de Anglujo, ĉar Anglujo havigas al ili la necesajn monrimedojn aĉetante nutraĵojn ĉe ili. Se Germanujo detruus la anglan industrion, la personoj, kiuj vivis el ĝi, ne plu povos ricevi nutrajn produktojn el Sud-Ameriko aŭ Ĥinujo; tiuj landoj do ĉesos esti vendejoj de fabrikitaj artikloj. Ĉio tio estas tiel simpla kaj evidenta, ke ŝajnas infanaĵo tion longe pridiskuti. Tion ni tamen faris, ĉar tiuj elementaj veraĵoj ne estas ankoraŭ sufiĉe konsiderataj.

La rilatoj de ekonomia interdependeco, kiujn ilustras la supraj ekzemploj, ĉiam ekzistis. Sed dum unu jarcento ili havis nur teorian valoron. Nuntempe, pro la disvolviĝo de l'komerco, ili koncernas la politikon de ĉiuj landoj de l'mondo.

Antaŭ kvardek jaroj ĉiuj ŝtatistoj, eble ekster la anglaj, povis nescii tiun veraĵon. En 1870 Germanujo mem nutris sin. Oni aljuĝas — verŝajne malprave — al Bismarck la deziron malaperigi Francujon, en ekonomia rilato, el la karto de Eŭropo. Se tio estus, Germanujo ne estus tiel multe progresinta, ĉar ĝia progreso venas grandparte de la disvolviĝo de landoj kiel Rusujo kaj Sud-Afriko. Nu, tiu disvolviĝo estas faciligita de la francaj kapitaloj.

La franca loĝantaro kreskas ĉiujare tre malmulte; la riĉaĵoj, kiujn Francujo ne bezonas, povas do esti uzataj fremdlande. Pro la supre notitaj reagoj, la francaj registaroj konstatis konsekvencojn, kiujn ili ne antaŭvidis. Post 1870 la franca politiko celis fortigi Rusujon por kontraŭbalanci la influon de Germanujo. La franca registaro instigis la procentedonon de francaj kapitaloj al Rusujo. Kio okazis? En tiu ĉi lando la germana komerco kreskis de 15 ĝis 45 %. La samaj faktoroj influis la fremdan anglan politikon. Ili ludis gravan rolon en la konflikto de 1911 (Maroka afero), ĉar ili sendube kaŭzis la sintenadon de pluraj regnoj. Certe estas, ke la timo pri la konsekvencoj de la malcerta financa situacio influis la politikon de Germanujo. Eĉ verŝajne estas, ke tiu timo estis decidiga faktoro, ĉar la interesoj endanĝerigeblaj de iu milito multe superis la interesojn tiam kontestitajn. Notinde estas, ke la germanaj ŝtatistoj ne spontane atentis tiujn faktojn. Necesa estis la senpera interveno de la gravaj germanaj financistoj.

La malkono de tiuj ekonomiaj rilatoj trudis pezegan ŝarĝon al ĉiuj eŭropaj nacioj. Ĝis oni klare komprenos tiujn rilatojn, la plej gravaj problemoj de la nuna tempo ne povos ricevi definitivan solvon.

Oni konsentas, ke milito povus okazi inter du regnoj, ne pro kontraŭstaro de iliaj interesoj, sed pro malkonfido, pro malkompreno pri iliaj reciprokaj bezonoj, pro malĝusta opinio: unu aljuĝus al la alia intencojn, kies efektivigo estus absurda entrepreno, se oni bonvolus tion prudente ekzameni. La ĵaluzo, la malkonfido, la antipatio, kiuj malfaciligas la interpopolajn rilatojn, preskaŭ ĉiam naskiĝas ne el faktoj, sed el antaŭjuĝoj kaj el malĝusta kono pri tute normalaj fenomenoj.

Kiam la publika opinio estos pli bone informita, kiam ĝi estos liberigita je la formuloj kaj iamaj teorioj, kiuj an-

koraŭ pezas sur ĝi, la vero aperos al ĝi en tuta sia hela simpleco, kaj granda paŝo estos farita sur la vojo al la unuiĝo de la popoloj, kiun celas ĉiuj pacamikoj.

*Norman Angell.*
Trad.[1] *A. R.*

# SOCIA VIVO

## La ekonomia estonteco de Kaldeo

De la antikvaj epokoj la imperioj de Egiptujo kaj Asirio, kvazaŭ altiritaj unu al la alia de mistera magneto, renkontiĝis sur Aziaj batalkampoj. Havantaj saman ambicion ili penas realigi la deziron de ĉiuj nacioj: konkeri universalan superregadon. Tragedia estas la historio de iliaj sangaj bataloj; apenaŭ la mondosceptro estas en iliaj manoj, ili pereas unu post la alia.

Nenio estas pli efemera ol la gloro de Egiptujo kaj Asirio. Restas la rememoro pri du epopeoj, kiujn la ruinoj de la palacoj preskaŭ tute englutis. La antikvaj kronikoj konservis al ni kelkajn pecojn, kiujn la nuna scienco altŝatas kaj pene deĉifras. Sed dum malaperis la homoj, ĉiam sama restis la naturo. En tiuj grandegaj teritorioj de Mezopotamio estas prosperpromesoj por la estonteco. Se Egiptujo estas donaco de Nilo, Babilonio estas donaco de Tigro kaj Eŭfrato. Iliaj ekonomiaj kondiĉoj egalvaloras. La nuna renaskiĝo de Egiptujo alvokas la estontan renaskiĝon de Kaldeo.

La ĉeesto de la Angloj ĉe la Nilaj bordoj estis la komenco de progresepoko por Egiptujo. La majesta riverego, kies jaran kreskon la bordloĝantoj senpacience atendadis, nun alportas dum la tuta jaro sian bonfarantan akvon al la kamparo, dank'al la laboroj de la modernaj inĝenieroj. La akvujo de Asuan donis al Egiptujo la profiton de regula kaj konstanta akvumado. La 23 decembro 1912, tago de la inaŭguro de l'fama Asuan'a baraĵo, estas grava dato en la moderna tempo. Ĝi pravigas la fieran devizon „Britannia rule the waves". Ĝi senmortigas la karieron de viro kiu alligis sian nomon al tiuj gigantaj laboroj, inspiriĝante el la tradicio de l'Faraonoj. Nenio pli bela estas ol grandioza ideo, kiu realiĝas en la daŭro de la jarcentoj. Estas en la historio fenomenoj de kontinueco, kiuj honorigas la homan penson.

Sir William Willcocks naskiĝis en Hindujo, kie pasis la unua tempo de lia inĝeniera kariero. En 1883 li apartenas al la akvuma Egipta servo, tiam direktita de spertega teknikisto, Sir Colin Scott Moncrieff. Hindujo, kiu estis lia agadkampo dum pluraj jaroj, estas la elektita tero de ĉiuj, kiuj sin okupas pri agrikultura hidraŭliko. De la komenco, timinda tasko prezentiĝis al la angla registaro, nome redoni al la terkulturo grandegajn spacojn senigitajn je fluanta akvo. Nur dank'al la kompetenteco kaj persisto de la teknikistoj estis trovita la rimedo por alkonduki la bonfarantan akvon en tiujn senfruktajn lokojn, kiujn tro ofte malfeliĉigas la malsatado. Dediĉinte parton de sia vivo al la fruktigo de Egiptujo, la nelacigebla Willcocks sin frue okupis redoni al Babilonio ĝian antaŭan prosperecon. Ŝajnas, kvazaŭ el la fatalo fiksite, ke Egiptujo kaj Kaldeo estas intime kunligataj. Plurajn fojojn, la angla inĝeniero atentigis siajn samlandanojn pri la prosperigaj promesoj, kiujn prezentus la akvumado kaj la drenado de la ebenaĵoj akvataj de Tigro kaj Eŭfrato. La 10 junio 1912 li ĉe la Londona Geografia Societo, prezidata de Lord Curzon, paroladis pri: La Ĝardeno Eden kaj ĝia reprosperigo.

„Egiptujo, li iam diris, ĉiam estos la reĝino de akvumitaj regionoj, sed tuj poste oni devas lokigi la mirindan landon antaŭe fruktigitan de Tigro."

Eŭfrato kaj Tigro, ĉe la fino de sia pilgrimfluado tra la Mezopotamia stepo, penetras en sian delton ĉirkaŭ la 34a grado de latitudo. Ili forlasas ŝtonan grundon kaj penetras en zonon de aluvioj, trapasatan de kanalretaro. La ĉefaj kanaloj, kiuj estas navigeblaj, havas malaltetajn bordojn kun malnovaj ruinoj. El tiuj ĉefkanaloj iras kanaletoj, kies bordojn kronas teraltaĵoj. La navigeblaj kanaloj devas esti ĉiujare purigataj kaj senigataj je la ŝlimo. La aliaj, forlasitaj, rapide pleniĝas, kaj el la amasigita ŝlimo formiĝas montetoj. Ofte, dum longa vojirado, oni apenaŭ distingas la ĉefkanalon pro ĝiaj montetoj, kiuj senfine etendiĝas. Jen kelkaj grupoj de palmoj borderas la bordojn, jen aroj de salikoj aŭ de poploj.

Malgraŭ sia nudeco, tiu regiono estas vere bela. Svisa vojaĝisto, Alphonse Pictet, kiu ĝin trapasis en vintro 1872—73 skribis pri ĝi interesan raporton:

„La grandaj solaĵoj, la tie reganta silento, rompataj de la malproksima bojado de iaj arabaj hundoj aŭ de la blekoj de ŝakalo, forte impresas. Nesenteble nin enokupas la silento de l'naturo; komence bruaj, la konversacioj grade estingiĝas; oni marŝas unu post la alia, tiel silentaj kiel la sabloj nin ĉirkaŭantaj".

Tiu priskribo esprimas la plenan veron; ĝi karakterizas verkiston sinceran kaj senteman pri la grandaj spektakloj. Tamen, apud la sudo, la palmarboj plimultiĝas, la pejzaĝo fariĝas rava. Loka tradicio, kiun esploristo Oppenheim aŭdis el la enlanduloj, rakontas, ke la Paradizo troviĝas ĉirkaŭ Gurne (Korna), tie, kie la du riveroj kunigas sian akvon kaj formas unu solan riveregon, kiu alfluas en la Persan Golfon.

*(Daŭrigota).*

*Alfred Boissier.*
Trad.[1] *A. R.*

## Notoj pri Svisujo

II

Se sub la vorto „nacio" oni komprenas samrasajn kaj samlingvajn homojn vivantajn sub sama registaro en difinita teritorio, oni povas diri, ke Svisujo ne estas nacio, kiel estus ekz. Francujo aŭ Italujo. Sed se „nacio" signifas pli simple aron da homoj, kiujn unuigis historio, penskomuneco kaj samidealeco, oni certe povas konsideri Svisujo, kiel nacion. Ĝi estas historia formiĝo, kiu en malegalaj proporcioj konsistas el tri aparte vivantaj gentoj: la germana, la franca kaj la itala. Tiuj gentoj, najbaraj unu al alia, kune enfermitaj en geografiaj limoj sufiĉe netaj, havis tra la jarcentoj komunan historion, kiu naskis ĉe ili pli-malpli samajn kutimojn, pli-malpli samajn aspirojn. Ilin unuigis nek la raso, nek la lingvo, nek la religio, nek ankaŭ la kontinua laborado de iu dinastio, sed la tero, la historio kaj sama idealo al libereco kaj demokratio. Pri svisa raso oni certe ne povas paroli. Tio ne malhelpas, ke svisa popolo ekzistas kaj posedas proprajn karakterojn. Certe, germana sviso, laŭ multaj punktoj, diferencas de franca sviso, sed ili ĝenerale havas, teksitajn de la tradicio kaj de la samaj sociaj kadroj, komunajn psikologiajn karakterojn, kiuj kaŭzas, ke ili estas multe pli proksimaj unu al la alia, ol estus franco el Francujo rilate al germano el Germanujo. Amo al sendependeco, seriozeco kaj laboremo, simpleco de moroj, iniciatemo ĝenerale limigata je praktikaj aferoj, mastrumemo, gajnemo, malmulta imagado, estas ĝenerale ecoj, kiuj aplikiĝas tiel al la germana kiel al la franca sviso.

Kelkaj praktikaj klarigoj komprenigos la respektivan situacion de la rasoj kaj de la lingvoj. El 3.750.000 loĝantoj

[1] Laŭ raporto prezentota ĉe la Internacia Packongreso en Hago.

[1] El *Journal de Genève.*

2.600.000 parolas germane, 800.000 france, 300.000 itale.[1] La nombra supereco de la germanlingvanoj estas do sufiĉe grava. La lingva limo estas neta. En malmultaj lokoj (ekz. Fribourg, Biel) oni uzas la germanan kaj la francan. En Bern la loĝantaro parolas nur germane, sed preskaŭ ĉiuj personoj pli-malpli bone konas la francan. Ĉiuj instruitaj germanaj svisoj scias la francan lingvon. Kontraŭe, en franclingva Svisujo, eĉ instruitaj personoj ne scias la germanan aŭ konas nur elementojn. La federala administracio publikigas ĉiujn aktojn en la tri lingvoj, kiuj estas oficialaj kaj egalrajtaj. La kantonaj administracioj uzas la lingvon parolatan en la kantono. Kelkaj kantonoj, ekz. Valais, Fribourg, Bern, estas dulingvaj. La publikoficistoj devas scii du lingvojn. En la federala Parlamento la tri lingvoj estas uzeblaj, sed por plirapidigi la debatojn, la itallingvanoj ĝenerale uzas la francan aŭ la germanan. Oni povas diri, ke krom bagatelaj malkonsentetoj, en Svisujo tute ne ekzistas lingva batalo. La germana plimulto, kiu pro sia nombro estus tentata trouzi sian superecon, ĉiam tute respektis la rajtojn de la alilingvanoj.

Tiu fakto estas cetere konata eksterlande, kaj oni ofte citas Svisujon kiel ekzemplon al la landoj, kie ekzistas batalo, ekz. Aŭstrio kaj Belgujo. Tamen, ĝusta komparo kun Svisujo ne estas ebla. En Svisujo, la tri lingvoj uzataj havas ekster Svisujo mondan gravecon. La lingvaj limoj, ekster en tre malmultaj punktoj, estas netaj kaj nediskuteblaj. Aŭstrio, kontraŭe, havas tre grandan variecon de lingvoj, kies limoj estas ofte malcertaj kaj kies monda graveco estas tre malsama. Belgujo havas nur du lingvojn, sed unu el ili, la franca, havas mondan gravecon, la alia, la flandra, estas limigata en Belgujo. En Svisujo, franclingvano, kiu lernas la germanan, aŭ germanlingvano la francan, ne perdas sian tempon, ĉar ne sole en Svisujo la lernata lingvo estas grava, sed ankaŭ eksterlande. Ĉiu el la svisaj lingvoj havas riĉegan literaturon kaj ludas unuarangan rolon en la mondcivilizacio. Svisujo estas do en pli favora situacio ol Aŭstrio kaj Belgujo. Plie la federala formo de la regado favoras justan traktadon de la diversaj lingvoj.

Sufiĉe multaj svisoj transmigras de unu parto de Svisujo al alilingva, ekz. multaj germanoj loĝas en Ĝenevo, sed iliaj infanoj vizitas la franclingvajn lernejojn. En unu generacio la ŝanĝo de lingvo estas plenumita. Multaj idoj de germanlingvanoj eĉ ne scias la germanan. Ili tamen ne konsideras sin pli aŭ malpli svisoj ol antaŭe. Neniu plendas pri tio. La lingvo estas ligata al la teritorio, ne al la gento.

En la religia fako la diverseco ne estas malpli granda. El siaj 3.750.000 loĝantoj, Svisujo kalkulas 2.100.000 protestantojn kaj 1.575.000 katolikojn. La religiaj demandoj antaŭe fluigis multe da sango, en Svisujo kiel alilande. De longe ili fariĝis malpli akraj. Regas nun reciproka tolerado. El 22 kantonoj, 5 estas ekskluzive protestantaj, 9 ekskluzive katolikaj, 8 miksaj. Tiu apartigo tute ne koincidas kun la lingvo — kio estas elemento de ekvilibro kaj paco. Ekz., en la franca parto, 2 kantonoj estas katolikaj, 2 estas protestantaj kaj 1 miksa. Nur en 2 kantonoj (Ĝenevo, Basel) la eklezioj estas apartigitaj el la ŝtato; aliloke la ŝtato pagas la kultojn praktikatajn en sia teritorio. Ni aldonu, ke la federala konstitucio postulas la liberecon de la kultoj kaj malpermesas la starigon de novaj monaĥejoj.

En kelkaj malriĉaj vilaĝoj (verdire tre malmultaj) la sama preĝejo servas alterne por la protestantoj kaj por la katolikoj. Tio estas escepto. Se la religio tro ofte estas ankoraŭ kaŭzo de disputo, oni almenaŭ povas konstati, ke tiuj disputoj malfortiĝas — ne ĉar la eklezioj estas pli toleremaj, sed ĉar la kunvivado de diversreligianoj nature nefanatikaj kaj nemistikaj trudis la reciprokan toleradon.

*(Daŭrigota.)* *H. H.*

[1] Al tio oni devas ankoraŭ aldoni 40,000 kiuj parolas romanĉe (latinida lingvo), sed ĉi tiuj krom tio ĉiam scias la germanan aŭ la italan lingvon. La germana lingvo parolata en Svisujo konsistas el diverskantonaj dialektoj; skribe oni uzas la puran germanan lingvon.

## Nova Alpa fervojo

Antaŭ tridek jaroj la Alpoj estis traborataj por meti relojn tra la masivo de la „Gotthard“, sur kiuj ni povas atingi tiel facile la landon, al kiu sopiras miloj da homoj. Depost tiu tempo estas konstruitaj multe da fervojoj kaj tuneloj, kiuj atestas la kuraĝon kaj konstruarton de la inĝenieroj. La 14 km longa Gotthard-tunelo estas superata de la Simplon-tunelo kaj la plej grandiozaj projektoj por pontoj kaj viaduktoj efektiviĝis dum la konstruado de la nova fervojo Bern-Lötschberg-Simplon, kiu estas inaŭgurita la 1 julio 1913. Tiu nova linio kunigas grandiozajn teknikajn konstruaĵojn kun multege da belaj vidaĵoj de la montegaro, kiaj similaj ĉe iu alia fervojo ne ekzistas. La nova fervojo konstruita tra la Bernaj Alpoj de Frutigen ĝis Brig en Rhonevalo unue ligos la lokojn de la Thuna lago: Thun, Spiez, Interlaken, unuvorte la Bernan Oberlandon kun Oberwallis, la supera Rhonevalo aparte kun la montegaro kaj la turistaj centroj Zermatt kaj Saas-Fee kaj tra la sekvanta Simplontunelo kun belega Lago Maggiore kaj la norditalaj industriaj urboj: Milano, Torino kaj Genova.

La B. A. B. (Berna Alpa fervojo) havas ankaŭ internacian signifon; certe ĝi estas por vojaĝoj de Germanujo aŭ Nord-Francujo al Italujo en ĉiu rilato samvalora linio kiel tiu tra la Gotthard-tunelo, ĉar per la elektra movoforto oni ĝuas agrablan kaj senfuman veturadon. Sur ambaŭ linioj tra la Simplon- kiel ankaŭ tra la Lötschberg-tunelo oni uzas elektran forton por movadi la vagonarojn. La maŝinfabrikoj „Örlikon“ kaj „Brown, Boveri & Co.“ en Baden (Svisujo) estas komisiataj konstrui apartan tipon de lokomotivoj; ĉiu el ili (12) havas du motorojn, kiuj posedas 2500 HP. La mezuroj estas jenaj: longeco inter la bufroj 16 m, inter la radoj 11,34 m, diametroj de la movrado 1,35 m kaj de la kurrado 0,85 m. Pezo 104 tunojn; tirforteco 13,500 kg, 1,5 horefikeco, 2500 HP. Tiu forteco estis atingata ĝis nun nur de du vaporlokomotivoj en la mondo. La B. A. B. posedas la fervojajn liniojn: 1. Thun-Spiez-Frutigen-Brig. 2. Spiez-Bönigen. La societo posedas ankaŭ la vaporŝipojn sur la lagoj de Thun kaj Brienz. Ĝi administras ankaŭ tri aliajn fervojojn.

La nova linio komencas en Frutigen, 828 m super maro, kaj superveturas la riveron Kander sur alta viadukto, supreniras malrapide la montdeklivon kaj faras ĉe la Blua Lago grandan duoblan serpenton, parte en duonronda tunelo. Same kiel sur la Gotthard-fervojo la preĝejo de Wassen, la vojaĝanto havas tie la romantikan ruinon de la Felsenburg (rokakastelo) unue super, poste apud, kaj la trian fojon sub la fervojo. Antaŭ Kandersteg (1169 m) la fervojo kondukas super la serpentoj de la vojo kaj akvofaloj de Kander tra la valbaro. Dum la tuta veturado altiras nian rigardon neĝkovritaj montoj: Altels, Balmhorn, Rinderhorn kaj Doldenhörner, la pintoj de la Blümlisalp kaj la sovaĝaj rokaj kolosoj de la Birre kaj Fisistock, kiuj ĉiuj ĉirkaŭkadras la ĉarman vilaĝon Kandersteg. Tuj post la stacio Kandersteg komencas la 14,605 km longa tunelo, kiu traboras la „Fisistock“ kaj subveturas la valon Gastern kaj Lötschenpass en alteco de 1224 m por ree atingi la taglumon en Lötschental (Wallis). Sube de Goppenstein vastiĝas la Lötschenvalo gardita de la potencega Bietschhorn al vasta tipa alpvalo, kiu ĝis nun tre malmulte estis vizitata de la turistaro. Sub Goppenstein ĉe vilaĝo Hohtenn la fervojo iras en Rhonevalo je 400 m.

Tie prezentiĝas al vojaĝanto nekomparebla vidaĵo al la piede kuŝanta Rhonevalo, al belegaj montformoj de la suda valflanko kaj sennombraj brunaj vilaĝoj kaj kabanoj kun blankaj preĝejoj. Iom post iom malleviĝas la fervojo al Brig superveturante sur multaj viaduktoj la nordajn riveretojn de la Rhone kaj traveturante en 21 tuneloj la antaŭstarantajn rokajn langojn de la montoj. Bela estas aparte la elrigardo ĉe Ausserberg en la profunde kuŝanta Visp kaj la montoj de Nicolaivalo, Nadelhorn kaj Täschhorn. De Brig (680 m) kondukas nin la federalaj vagonaroj en kelkaj minutoj al Visp, kie staras pretaj vagonoj de la fervojo Visp-Zermatt por transporti la turistojn en la glaciejan regionon de Zermatt kaj Saas-Fee. En nordorienta direkto kondukas la poŝta vojo tra la „Goms“ kaj la tipaj brunaj lignaj vilaĝoj de Oberwallis por perigi ĉe Gletsch, piede de la Rhoneglaciejo, la aliĝon al Grimsel- kaj Furkapass. Sed rekte en sudorienta direkto kondukas nin la elektra lokomotivo tra la 19,800 km longa Simplon-tunelo tra Domodossola al belega ĉirkaŭaĵo de Lago Maggiore kaj al la kreskantaj urboj de Nord-Italujo: Milano, Torino kaj Genova.

La nova alpa fervojo malfermas tutajn valojn al la interkomunikiĝoj; ĝi alproksimigas juvelojn de la alpa mondo. Eĉ la nura veturado estas en ĉiu rilato vera ĝuo, tiel ke la vojo al difinita celo estas agrable mallongigata per la sennombraj belaj vidaĵoj el la larĝaj vagonfenestroj.

*C. Hildebrandt*[1] (Del. Thun).

## Popola instruado en Rusujo

Neniu bona lernejo povas ekzisti sen bona sperta instruisto — tio ja estas veraĵo nedisputebla. Kiel ajn estus bona la lernejo mem, en kia ajn bonega domo ĝi lokiĝus, kiom ajn multe da bonaj lernolibroj kaj instruiloj ĝi havus, ĝi perdas sian valoron, se ĝi havas malbonan, nespertan instruiston. Tial tute vere iu granda pedagogo notis, ke la instruisto estas la animo de la lernejo, ĝia mentalo, ĝia sento, ĝia volo. Sed en Rusujo bonaj instruistoj aperis nur post la liberigo de la kamparanoj je la servuteco. Samtempe aperis la nova porpopola lernejo. Ĝis tiu tempo, kiel la instruistoj, tiel same la lernejoj estis maloftaj kaj malbonaj; mankis specialaj lernejoj por prepari bonajn pedagogojn; mizera estis la salajro, kaj, sekve, estis sufiĉe malfacile trovi en la lernejoj idealistajn laboremajn instruistojn, kiuj konscience faris sian laboron. La tipo de idealista instruisto aperis nur pli malfrue, en la postreforma tempo, kaj *nur* tiu idealista instruisto, ni povas diri, „sur siaj ŝultroj elportis“ la popolinstruadon, „konstruinte“ la novan generacion de legisciaj homoj. Sole dank'al *li* ne tuta Ruslando kovriĝis per nubegoj de malklereco, kaj sole li aranĝis kelkajn kulturajn anguletojn, pretajn asimili la pluajn semojn de instruado kaj civilizacio.

Ĝis 1870 en niaj lernejoj instruis suboficiroj (en rolo de instruistoj), kiuj estis preskaŭ analfabetuloj. Dum tri jaroj ili instruis la lernantojn nur pri la mekanika legado sen la senco kaj kompreno, t. e. la infano *legis*, sed ne komprenis la sencon de la legaĵo. La legado kun kompreno de la legaĵo estas la dua ciklo de la tiama leginstruo, kaj tio postulis apartan pagon! Estas kompreneble, ke en tiama vere malĝoja tempo, el 100 lernantoj finintaj lerni legadon kaj skribadon, nur kelkaj sufiĉe ellernis la legadon. La aliaj denove fariĝis malkleraj kaj denove revenis en sian antaŭan situacion. La tiama metodo de leginstruado estis kvazaŭ intencita baraĵo sur la vojo al la sukceso de la lernejoj. Ĝis Caro Petro la Granda *ĉiuj* rusaj libroj estis presitaj en antikva eklezia slava lingvo,[1] kiu tiam estis tiel same kiel nun uzata por diservoj, simile al la latina lingvo en la katolika Eklezio. La slava alfabeto estis, laŭ la modelo de la greka lingvo, konstruita de du grandaj slavaj apostoloj, Cirilo kaj Metodio. Ili tradukis el la greka slaven ĉiujn ekleziajn librojn (precipe por diservo). Kiel estas konate, en la greka alfabeto, ĉiuj literoj havas sian nomon, ekz. la unua estas $\alpha$, nomata *alfa*, $\beta$ = beta, $\omega$ = omega, k. t. p.; tiel same la slavaj literoj havis siajn nomojn: $A$ = az; $B$ (esperante *v*) = vedi, $\Pi$ (esperante p) = pokoj; $O$ = on, k. t. p. La antikvaj rusaj instruistoj, instruante legi, uzis la plej „simplan“ (komprenu la malon!) metodon: ili komence instruis la formon de la literoj kaj iliajn nomojn; poste ili prenis la psalmaron kaj legigis. Por tralegi vorton, ekz. *pano*, ili faris la jenajn malfaciligajn kaj nekompreneblajn manipulaĵojn, kies venko tute malaperigis la sencon de la legaĵo. La lernanto legis ne la *sonon*, sed la *nomon* de la litero; en la antaŭa vorto *pano* oni legis la nomon (sed *ne* la *sonon*) de la unua litero *p* (pokoj), poste la nomon de la dua *a* (az), poste de la tria *n* (naŝ), fine de la kvara *o* (on) [tiel oni skeme ricevas: *pokoj, az, naŝ, on*]. Poste la instruisto demandis la lernanton: „Nu, kion ni ricevas sume?“, kaj la lernanto, ĉu tuj, ĉu post multaj penoj, estis devigata divene respondi, ke: *pokoj* + *az* + *naŝ* + *on* egalas sume *pano*. Per kia miraklo rezultis tia dezirata vorto el la citita absurda adicio, tion ne nur ni ne scias kaj komprenas, sed ni dubas multe, ĉu tian misteron komprenis la lernantoj kaj eĉ la instruanto mem!

Poste tiu ĉi metodo iom ŝanĝiĝis. La literojn oni nomis pli mallonge, ekz. a = *a* (anstataŭ az), k. t. p. Ellerninte la alfabeton oni komencis legi la du literajn silabojn: *be* + *a* = *ba*; *ge* + *a* = *ga*, k. t. p., poste la trisilabajn: *be* + *re* + *a* = *bra*, k. t. p. Estas tute klare, ke per simila metodo (kiun oni nomas ĉe ni la „metodo de literadicio“) estis tre malfacile por gelernantoj lerni la legadon; tial la instruantoj vole-nevole estis instigitaj uzi diversajn punojn, ofte tre dolorajn kaj plimalaltigantajn la indecon de l'homo. Nia nuna metodo de leginstruo estas la „metodo de sonoj“, kiu estas kopio de la germana metodo, sed ĝi eĉ ne estas konforma al la nuntempaj postuloj de la plej nova pedagogio. Sed ĉiuj plibonigoj en la rusa popollernejo, fariĝis plenumeblaj nur post la granda reformo de 1861. Je la tiama reformtempo ni vere rimarkas grandan levon de la sociaj fortoj, direktitaj por plibonigi, pliklerigi, senservutigi la popolon. Tiutempe aperaj la grandaj pedagogaj reformuloj kaj entute la popolinstruantoj: Uŝinskij, Korf, Raĉinskij, Pirogov, L. Tolstoj, kaj aliaj. Ankaŭ tiutempe estas grandnombre starigitaj porinstruistaj seminarioj kaj aliaj lernejoj por preparadi la popollernejojn. En 1872 oni kalkulis 50 seminariojn, 62 en 1880, 72 en 1904 kaj nun 92, el kiuj 8 estas virinaj. En ili estis 1200 lernantoj en 1904; en tiu jaro finlernis 1560 personoj. Certe tiu kvanto de institutoj kaj seminarioj estas tute malgranda por vastega kvazaŭ senlima Ruslando. Tial plenigas la vicojn de geinstruistoj multe da personoj finintaj aliajn nespeciale pedagogiajn lernejojn, ekz. klasik- kaj realgimnazioj por viroj, viringimnazioj, urblernejoj, ekleziaj virseminarioj kaj virinaj eparĥiaj lernejoj. Sed, se en la porinstruistaj seminarioj, la pedagogia afero estas starigita nesufiĉe bone, kion ni povas diri pri la aliaj mezlernejoj nespecialaj, kiuj tute ne celas prepari la popolajn geinstruistojn. Tiamaniere la plimulto de niaj geinstruistoj ricevis

[1] Kongresvizitantoj, kiuj volas informiĝi pli detale pri la B. A. B. ricevas kontraŭ respondkupono bele ilustritan horaron de la Verkehrsbureaux Thun, Bern kaj Interlaken aŭ de la Del. en Thun.

[1] La antikva eklezia slava lingvo estas tiel facilkomprenebla kaj lernebla de rusoj, ke eĉ nekleraj homoj povas facile kompreni la ²/₃ de ĝia teksto. Tial, kvankam ĝi estas kvazaŭ „mortinta lingvo“, ĉiuj rusoj, eĉ vilaĝanoj, sufiĉe facile komprenas ĝin, tiom pli ke ankoraŭ dum tempo de Caro Petro Iª kaj pli poste ankoraŭ, ili parolis slave.

*(Rim. de l'trad.).*

sian instrurajton post elteno de plej supraĵa ekzameno, kiu nenion aldonas al tiuj pecetoj de scio, kiujn posedas nia gejunularo.

(Daŭrigota.) *P. Bezrukih*, instruisto.

Artikolo speciale verkita por la Esperantistaro

Trad. *I. Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

## Nova formo de Mutualeco

„La Mutualeco, tiu ĉi bonfaranta feino, kiu jam kunhelpis mildigi tiom da malfeliĉajoj, kaj kiu estas ankoraŭ destinita por fari tiom da servoj, ĉiutage plivastigas sian agadkampon, kaj pli kaj pli vidas kreskanta sian aŭtoritatecon“ ni skribis antaŭ unu monato apenaŭ, en kaploko de la alvoko, kiun ni faris al la Mutualistoj de ĉiuj landoj por Esperanto kiel helpa lingvo, simpla kaj facila, permesonta al ili sin reciproke kompreni sen ia malhelpaĵo, kia ajn estas la nacia lingvo de ĉiu el ili.

Kaj jen, ni estas alkondukataj, mem, fari la pruvon pri tio, hodiaŭ, priparolante kun la leganto pri nova formo de Mutualeco: la Domoj de helpo per laboro.

Efektive, la Mutualeco ne kontentiĝis helpi por la naskiĝo kaj la unuaj zorgoj de la laboristo, per la patrina Mutualeco; poste malkovri, antaŭ lia juna intelekto, la ideojn pri ŝparo kaj antaŭzorgo, helpi al li, en okazo de malsano aŭ de akcidento, per la lerneja Mutualeco, liveri al li, kiam li fariĝis homo, per siaj multnombraj Societoj de plenaĝuloj, la samajn kuracadojn medicinajn kaj farmaciajn, al kiuj ĝi aldonas ĉiutagan monkompenson por helpi lin nutri lian familion, eĉ antaŭ esti havigonta al li la necesaĵon, se ne por ke li povu tute mallabori, almenaŭ por kompensi kiel eble plej malavare la malpliigon de salajroj, kiun forportas kun si la maljuneco kaj la nevalidaĵoj; la Mutualeco proponas ankoraŭ al li helpon, kiam, laca kaj senkuraĝigita, li haltas sur la vojo, sur kiu li estis devigita iri por serĉi laboron: longa malsano, kiu senigis lin je ofico, la brulego de la fabrikejo kie li laboris, aŭ la bankroto de lia mastro.

La Mutualeco tiam malfermas al li la pordojn de siaj domoj de helpo per laboro, kie li trovos loĝejon, nutron, veston kaj eĉ la kuracadojn medicinajn kaj farmaciajn, kiuj povos esti necesaj al li.

Sed la Mutualeco scias, kion hontigan kaj malindan entenas la Almozdono. Ĝi ne volas ke tiu, kiun ĝi helpas, estu ruĝiĝonta de honto pro la helpo, kiun ĝi konsentas al li. Kaj ĝi petas ke li pagu, per depreno, tiel malgranda, kiel eble, el la ĉiutaga salajro de la laboro, kiun ĝi havigas al li, la loĝejon kaj la vivrimedojn, kiujn ĝi liveras al li.

Ĝi volas ankaŭ, ke li vidigu sin inda je la protektado, kiun ĝi donas al li. Kaj antaŭ ol akcepti lin malprovizore, ĝi atente rigardas lin dum dek tagoj. Se, dum tiuj dek tagoj, li donas pruvon pri honesta konduto kaj pri inklino al laboro, ĝi tuj lin rekompencas, honorante lin per akcepto de kontrakto kun li, laŭ kiu ĝi promesas konservi lin, je samaj kondiĉoj, eĉ dum ses monatoj se bezone, kaj serĉi por li, dum tiu daŭro, firman oficon.

Estas, aliparte, ne nur la ĝuste nomitaj „senlaboruloj“, kiujn ĝi celas. Ĝia prizorgemo iras ankoraŭ pluen. Ĝi akceptas en siajn domojn de helpo per laboro, eĉ tiujn, kiuj havis la gravan malpravon ne respekti la leĝojn pri la digneco kaj la honesteco. Sed estas necese, por tio, ke ili liveru ateston, ke ili pruvis, dum sia malliberecco, bonegan konduton kaj efektivan deziron pri realtiĝo.

Dezirante, cetere, ne esti trompita de sia bonkoreco, ĝi eksigas, sen hezitado, tiujn kiuj, akceptitaj, malkonsentas obei la disciplinon tre indulgan, sed samtempe tre senŝanceliĝan, kiun ĝi altrudas al ili. Kaj ne nur ĝi ne malfermas de nun al ili tiaokaze siajn pordojn, sed ankoraŭ ĝi atentigas pri ili la juĝistarojn, kiuj povas esti destinitaj por ilin denove juĝi.

Tiamaniere, ĝiaj domoj de helpo per laboro fariĝas kvazaŭ filtrilo, kiu permesas redoni al la Societo tion, kio estas ankoraŭ bona inter tiuj devojiĝintoj, kaj kiu samtempe forigas la malbonajn ecojn, kiujn ili entenas, pro la timo de puno pli grava, se ili riskas, sin prezenti antaŭ juĝistaro tro plene informita pri ilia karaktero esence malbona.

Estas en Francujo ankoraŭ nur tri gastamaj Domoj de Helpo per laboro: unu, la unua fondita, ĉe *Chartres* (Eure-et-Loire); alia ĉe *Thiais* (Seine), kiun nun estras S-ro Léguillon, eksĉefgardisto de la malliberejo en Chartres, kiu, kun S-ro Ludoviko André, tiam Prokuratoro ĉe Chartres, hodiaŭ Konsilanto apud la Pariza Apelacia Kortumo, fondis dum 1896 la unuan Domon ĉi supre montritan; kaj tria ĉe *Goincourt* apud *Beauvais* (Oise) kiun fondis kaj prezidis ĝis la morto S-ro *Herselin*, Juĝisto apud la Beauvais'a unuagrada civila Tribunalo. Tiuj domoj estas direktataj, laŭ la kontrolo de Administra Konsilantaro, de Direktoroj prefere elektitaj ĉu inter la pundomaj gardistoj pensiaj, ĉu inter la sub-oficiroj aŭ la gendarmejaj brigadestroj same pensiaj. La unua paragrafo de la regularoj, proksimume samaj por la tri Domoj, sufiĉas por montri la intencojn de la fondintoj. Ĝi estas tiel redaktita: „La Domo de helpo per laboro celas liveri, laŭ siaj kapabloj, la helpon per laboro al la laboristoj sen ofico, kaj sen vivrimedoj, al la senhavaj migrantoj, kaj al la malliberuloj liberigitaj.“

(Daŭrigota.) *L. Demarcy*,

Leĝoscienca Licenciato

Sekretario de la afero de la Domo de helpo per laboro por la Departemento de l'Oise

# ✿ NOTOJ ✿

∴ **„Plano 1913“.** — Preskaŭ ĉiutage oni legis dum la lastaj monatoj en la nederlandaj ĵurnaloj sciigon sub la ĉi-supra titolo. Ĝi celas la planon, por aranĝi la festadon pro la centjara nederlanda memstareco (kiel reĝolando), tiel, ke estu logataj kiel eble plej multe da fremduloj al nia lando. La ĉefaĵo el tiu plano estas, ke somere 1913 Nederlando fariĝos granda vasta ekspoziciejo kaj kongresejo, tiel ke ne nur unu urbo, sed kvazaŭ la tuta lando ricevos specialan allogecon dum tiu epoko; por ke la alvojaĝontaj fremduloj, pro sia eksterordinara multnombreco, ne disrompu la ekvilibron en ununura ekspozicia urbo, sed ke ili disiĝu tra la tuta lando. Anstataŭ danĝera amasigado en unu urbo, oni tiel akiros altigitan energion en multaj urboj. La centra punkto de l'nacia festo estos Hago, kie okazos unue la solena malfermo de l'Paco-palaco, due nacia-agrikultura ekspozicio. Sed krom Hago preskaŭ ĉiu urbo, havanta iom da graveco, penados logi al si per iu speciala vizitinda ekspozicio parton de l'kunfestantaj, sam- kaj fremdlandanoj. Tia tuta komplekso vere povos vidigi ion novan kaj formi agrablan alternaĵon en la longa serio de unuformaj mondekspozicioj, kiuj fine neniun tute kontentigas. Kiam ankaŭ la Nederlandano estos instigata travojaĝi sian propran landon, montrante kaj klarigante ĝin al la fremdulo, sendube ankaŭ li mem plie ekŝatos ĝin. Tiel fine la kosmopolita festo plifortigos la nacian forton.

Formiĝis jam delonge centra komisiono, kies tasko estas zorgi por la eksterlanda reklamado; aranĝi multajn ekspoziciojn kaj kongresojn tiel, ke ili estu egale disigataj tra la somero kaj tra la lando; kaj eviti, ke du proksimaj urboj faru ĝuste la saman. Ĝi jam faris jenon, por konatigi la nederlandajn planojn en la eksterlando.

Dekmil grandaj reklamaj biletoj estas disdonitaj, ĉefe de la nederlandaj fervoj-societoj, kiuj per siaj rilatoj sukcesis elmontri la gravurojn ĉe la plejmulto de l'fervojoj en Germanujo, Svisujo, Belgujo, Francujo, Anglujo kaj Ameriko. Plue, ĉe la alilandaj vojaĝoficejoj, kun kiuj interrilatas la centra oficejo por fremdul-vizitado

en Hago, kvin-mil artaj reklamiloj estas disigitaj inter la societoj V. V. en eksterlando, inter kluboj kaj diversaj unuiĝoj alilandaj, inter hoteloj nederlandaj kaj eksterlandaj. Dua eldono je miliono da libroenmetaĵoj kun kalendaro por 1913 estas dissenditaj, i. a. enmetataj en ĉiuj fervojaj hortabeloj kaj reklamaj eldonaĵoj de Cook kaj Lissone. 1.500.000 enmetiloj estis enmetataj en gravaj diverslandaj revuoj, kie aperis longaj artikoloj. La artikoloj estos verkataj de Nederlandanoj, konataj sur arta, scienca, komerca kaj industria kampoj.

Por la reklamo en eksterlandaj gazetoj estas eltiritaj pagsumoj por anoncoj kaj redakciaj artikoloj kaj ankaŭ grandparte jam estas kontraktite kun la plej gravaj ĵurnaloj en Belgujo, Anglujo, Ameriko, Germanujo kaj Aŭstrio. Ilustritaj libretoj pri Nederlando estis presitaj: 50.000 francaj, 65.000 germanaj kaj 85.000 anglaj.

De S-ro Hartmann en Berlin, redaktoro de la „Woche“, kiu verkis la germanan libreton, estas faritaj paroladoj en Germanujo, komencante en Berlin, nomataj: „Kreuz und Quer durch Holland.“

La efektiviĝo de l'tiel nomata „ekonomia Bædeker“ pri Nederlando, nun ankaŭ estas certa. Ĉi tiu gvidlibro, kiu speciale montros la nunan staton de l'Nederlandaj komerco, industrio kaj terkulturo, estos verkata de la Nederlanda Unuiĝo por ekonomia geografio por „Plano 1913“. — Trad. *C. G. S.*

.·. **Statistiko de la heredoj en Francujo.** — La komparo de la heredoj en la diversaj landoj multe helpas al la studado de kelkaj sociaj problemoj kaj de tiuj, precipe kiuj rilatas al la respektiva riĉeco de la nacioj. Jen kelkaj ciferoj por Francujo:

*Nombro kaj valoro de la deklaritaj heredoj en 1911.*

| Frankoj | Nombro | Sumo Frankoj |
|---|---|---|
| De 1— 500 | 95.522 | 23.554.413 |
| „ 501— 2.000 | 94.787 | 119.126.038 |
| „ 2.001— 10.000 | 105.966 | 523.585.874 |
| „ 10.001— 50.000 | 47.032 | 993.980.937 |
| „ 50.001— 100.000 | 7.955 | 539.326.357 |
| „ 100.001— 250.000 | 4.878 | 761.071.426 |
| „ 250.001— 500.000 | 1.675 | 587.970.721 |
| „ 500.001— 1.000.000 | 832 | 591.273.726 |
| „ 1.000.001— 2.000.000 | 379 | 531.313.059 |
| „ 2.000.001— 5.000.000 | 246 | 439.897.393 |
| „ 5.000.001—10.500.000 | 30 | 200.604.397 |
| „ 10.000.001—50.000.000 | 9 | 233.040.638 |
| „ Pli ol 50.000.000 | 3 | 215.978.834 |
| | 359.113 | 5.761.724.713 |

Do, entute 359,000 heredoj. Ni rimarku unue, ke ĉiujare mortas en Francujo 830,000 personoj; sed el tiuj 830,000 nur 466,000 estas konsiderindaj, kiel pli ol 30-jare aĝaj kaj sekve la solaj eblaj transdoni heredojn. El tio rezultas ke, en Francujo, la proporcio de posedantoj estas 74 %. Do, nur 26 homoj po cento mortas nenion transdonante al siaj heredantoj. El tiuj ciferoj klare ekvidiĝas la persona kaj la nacia riĉeco en Francujo. — M. G.

.·. **La Kaliindustrio.** — La naskiĝejo de la germana kaliindustrio estas Stassfurt (provinco Saksujo). De pramalnova tempo troviĝis tie ĉi salfontoj, kies akvo estis vaporigata kaj liveris kuirsalon. La prusa registaro aĉetinta en 1797 de nobela salista societo la salproduktejon antaŭe apartenintan al la ŝtato Anhalt, komencis serĉi kuirsalon per profundenborado en la 5a deko de la pasinta jarcento. Ĉe tiu ĉi borado oni ektrovis salmontaĵon en profundeco de 256 metroj, sed anstataŭ la atendita kuirsalo oni trovis salojn de kvalito ĝis tiam tute nekonita. Nur kiam oni estis tralaborinta la superan saltavolon oni ektuŝis la deziritan kuirsalon. Por eksploati tion ĉi, la unuaj 2 ŝaktoj estis ekkonstruataj en Stassfurt en 1852, nome „Manteuffel“ kaj „von der Heydt“, meze en la urbo je la dekstra bordo de la rivero Bode. En 5 jaroj ili estis malsuprenigataj 330 metrojn ĝis en la kuirsalon. Tiam la ministo ne ankoraŭ ŝatis la saltavolojn kuŝantajn super tiu ĉi kuirsalo. Sed poste montriĝis, ke oni estis trovinta en tiuj ĉi tavoloj trezoron de plej granda terkultura kaj industria graveco, taŭgan pro akcelo de popol-, eĉ mondekonomia bonstato. Oni nome konstatis per scienca esplorado de tiuj ĉi saloj kuŝantaj en la interno de la tero, ke oni trovis neelĉerpeblan nur en Germanujo ekzistantan kalifonton gravegan por la racia nutrado de ĉiuj kulturkreskaĵoj kaj ankaŭ por kelkaj industriaj celoj. La ekspluato de la kalisaloj fariĝis nun la ĉefa celo, dum la ekspluato de la kuirsalo estas hodiaŭ nur malĉefa.

La bonaj rezultatoj sur prusa teritorio igis ankaŭ la Anhaltan registaron komenci la ekspluaton de la kalisaloj. En 1858 oni ekkonstruis sur libera kampo 2 km sudoriente de Stassfurt du ŝaktojn kaj finis ilin en 1862 sen malfacilaĵoj. Post kiam en 1861 D-ro. A. Frank estis fondinta la unuan klorkalifabrikejon en Stassfurt, proksime al la Duka Anhalta mino kelkaj ĥemiaj fabrikejoj por prilaboro de la saloj estis konstruataj, kaj ĉe la limo de Stassfurt fariĝis la urbo Leopoldshall, kiu nun havas jam ĉirkaŭe 7000 loĝantojn. Dum 15 jaroj nur la 2 minoj de la prusa registaro ekspluatis la kalisalojn ĝis la ĉesigo de la salmonopolo en Prusujo en 1868, post tio fariĝis novaj minaj entreprenoj. Pli poste oni konstatis, ke krom en la regionoj de la urboj Magdeburg kaj Halberstadt troviĝis ekspluatindaj kalisalejoj ankaŭ en la provinco Hannover kaj en la ŝtatoj Braunschweig, Thüringen, Mecklenburg kaj Elsass-Lothringen. La provizo da kalisaloj en la kuŝejoj ĝis nun trovitaj en Germanujo estas tiom granda, ke ĝi sufiĉos ankaŭ ĉe tre kreskanta konsumo multe pli ol 1000 jarojn.

La germana kaliindustrio fariĝis grava branĉo de la germana popolekonomio. Al la unuiĝo de la germanaj kaliminoj, la Kalisindikato G. m. b. H., Berlin SW. (11, Dessauerstrato 28/29) apartenas nun proksimume 100 ŝtataj kaj privataj produktejoj, ĉirkaŭe 40,000 ministoj kaj laboristoj estas okupataj en tiu ĉi industrio. La nombro de la minoj certe duobliĝos en la nuna aŭ proksima jaro. En 1909 oni ekspluatis entute pli ol 138 milion centfuntojn da kalisaloj valorantaj proksimume 58.000.000 Sm. — *W. Gellert*, Berlin.

.·. **La plej granda vegetarana hotelo-restoracio de l'mondo.** — En Hago oni malfermis antaŭ kelka tempo la plej grandan vegetaranan hotelo-restoracion de l'mondo. Unue mi mallonge skizos la historion de „Pomona“ (nomo de l'hotelo-restoracio). La 11 februaro 1899 oni malfermis „Pomona“ en supra etaĝo; jam la 1 majo 1900 oni devis ĝin transloki al pli granda domo, kaj la 1 majo 1905 oni malfermis en aparta apuda domo dependaĵon speciale por hotelservo. Depost tiu tempo, la entrepreno senĉese progresis, tiel ke la 21 januaro 1910 oni transformis la entreprenon en anoniman societon, kies gedirektistoj restis la geposedintoj S-ino kaj S-ro Valk-Heinsdyk, al kies energio kaj laboremo la sukceso estas ŝuldata. En aprilo 1910, „Pomona“ aĉetis 3 parcelojn por farigi sur ili grandiozan plej modernan hotelo-restoracion. Fine la konstruado finiĝis kaj „Pomona“ estis malfermata.

La imponanta konstruaĵo staras Lange Molenstraat 53, tre proksime de l'Esperanto-Oficejo, Prinsestraat 48, centre de l'urbo. Ĝi enhavas 96 ĉambrojn, 12 banĉambrojn, 1 parolejon, 1 fumejon, 3 salonetojn por legado kaj skribado, 1 grandan manĝejon kaj 2 malgrandajn (privataj) kaj 1 lunĉejon.

Kvankam ĉio estas tre komforta kaj aranĝita plej moderne, la prezoj ne estas tre altaj. Unu nokto de loĝado kun lunĉo depost fl. 1.60 (Sm. 1.35), tagmanĝoj depost fl. 0.75 (Sm. 0.62), cetere manĝaĵoj laŭkarte. Rimarkindaĵoj estas, ke la tuta servado estas preskaŭ tute virina kun absoluta malpermeso de trinkmono. La gedungitaro disponas pri plej vastaj, freŝaj kaj lumaj laborejoj kaj loĝejoj. Ĉiuj manĝaĵoj estas kontrolite puraj kaj bonaj. Oni atentu, ke la centoj de ĉiutagaj manĝantoj kaj loĝantoj plejmultege ne estas vegetaranoj; el tio oni povas konkludi, kian praktikan signifon vegetarismo jam akiris en nia urbo. Nin oni ne plu konsideras frenezuloj aŭ fanatikaj memmartiroj, oni akceptas vegetarismon kiel fakton.

En unu el la salonoj, la plej malnova Haga Esperantista Societo „Fine ĝi Venkos“, nuntempe kunvenas (lundovespere 8—10a) Do, kviete oni povas korespondi en Esperanto kun „Pomona“; penseble post kelka tempo kelkaj el la gedungitaro mem parolos Esperanton. — *J. L. Bruijn.*

Nia estimata kunlaboranto, S-ro Th. Cart, havis la grandan doloron perdi sian patron. En tie malfeliĉa okazo ni transdonas al li la esprimon de nia plena simpatio.

La kutima „Bileto de Blanbarbulo" aperos nur en la proksima N-o.

# Alvoko al ĉiuj Esperantianoj

*Antaŭ ses monatoj aperis ĉi tie nia unua publika alvoko por la starigo de la Garantia Kapitalo de UEA. Nian alvokon ĝis nun respondis 76 personoj, kiuj entute mendis 144 atestojn je la valoro de 18.000 frankoj.*

*Al ili ĉiuj ni ree esprimas nian profundan dankadon. Per ilia helpo la financa bazo de UEA estas senteble plibonigita. Ni povas rigardi antaŭen!*

*Sed ne ankoraŭ sufiĉas la kolektita sumo. Ankoraŭ 7000 frankojn ni bezonas.*[1] *Ni ne povas kredi, ke inter la nunaj 6000 membroj de UEA troviĝas nur 76 personoj pretaj oferi relative malaltan sumon por progresigi organizajon, kiu, laŭ la opinio de la plej fervoraj kaj kompetentaj samideanoj, fariĝis la plej firma subteno de nia movado.*

*Cetere ne nur oferon ni petas, sed ankaŭ ekzamenindan proponon ni prezentas: Pagante unu fojon por ĉiam 125 fr., oni fariĝas dumviva membro de UEA kaj dumviva abonanto de* Esperanto, *sen plia elspezo. En 14 jaroj la donita sumo estas do plene rericevata. Samtempe oni alportas al UEA ŝatindan helpon.*

*Tiun sumon ni bezonas ne sole por certigi la ekziston de UEA (se la nombroj de la membroj superas 6000, UEA povas vivi per si mem), sed por ĝin progresigi kaj puŝi sur novaj vojoj.*

*Konfide ni alvokas. Ni konservas la esperon, ke por vivigi Asocion, kies utileco ne plu estas neata, troviĝos ankoraŭ aro da fervoraj samideanoj dank'al kies helpo ni povos havi la bezonatan monsumon por daŭrigi kaj pliintensigi nian agadon.*

*UEA.*

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.]

Poste la Garantianoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *Esperanto*.

[1] *La Garantia Kapitalo sumas 25,000 fr. (10,000 Sm.).*

## KRONIKO

**Novaj societoj.** — *Paris* (Franc.). — La 16 junio okazis la solena malfermo de la nuna framasona loĝio laboranta nur per Esp. Tuj post la oficialaj paroladoj kaj gratuloj la laboro estis komencata. La anoj de la Loĝio kunvenas ĉiun 1an kaj 3an lundon, 8, rue Puteaux, kaj frate ricevos la esp. framasonojn trapasontajn Parizon. La sekretario estas S-ro Souchay, 134, Boulevard Exelmans, Paris 18. — S.

**Novaj kursoj.** — *Astraĥan* (Rus.) — La 24 junio malfermiĝis kurso, nun fervore vizitata kaj gvidata de S-ro G. J. Dolgov. — G. J. D.

*Barcelona* (Hispan.). — La 1 julio S-ro D-ro J. Coll malfermis kurson ĉe katolika centro de apud urba somera restejo. — La solena fermo de kursoj ĉe Barcelona Ateneo okazis la 6 julio; oni disdonis la atestojn kaj premiojn de l'kurso en la Universitato. S-ro A. Pla estis delegita kursano por paroli en la nomo de la aliaj kursanoj, tial ke li gajnis la ĉefpremion, li profitis tiun okazon por atentigi pri UEA. — A. P.

*Elberfeld* (German.). — La Esp. Grupo aranĝis dum la lasta unuiĝjaro duan kursojn por komencantoj kaj unu por progresintoj. La Grupo regule elmetas esp. gazetojn en la urba biblioteka kaj en unu restoracio. — P. T.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Dua hungarlanda esp. kongreso* okazos la 20 kaj 21 aŭgusto en Arad. La kongreso estos antaŭ videble tre grava por nia movado en Hungarujo kaj la Komitato petas ĉiujn samideanojn, ke ili ĝin vizitu. La personoj loĝantaj en orienta Eŭropo kaj partoprenontaj la Bern'an Kongreson tre facile povos aranĝi sian vojaĝplanon per viziti Arad en kaj poste veturi al Berno kune kun la hungaraj kongresanoj. Aliĝojn akceptas S-ro D-ro A. Vegh, Del., Üzletvezetöseg 1, Arad.

*La 17a Internacia Medicina Kongreso* okazos en Londono de la 6 ĝis la 12 aŭgusto, oni jam atendas pli ol 7000 ĉeestontojn. La organiza komitato permesis la uzado de ĉambrego por la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio. La ĵus eldonita programo de la kongreso enhavas la anoncon „La Esperanta Kuracista Asocio kunvenos en la geologia laborejo de la Reĝa Lernejo de Minejoj." La ĉiujara kongreso de la T. E. K. A. okazos en la universitato en Bern dum la naŭa kongreso. Esperantistaj kuracistoj, venu are al ambaŭ kaj pruvu ke Esperanto pli ol ia alia helplingvo taŭgas por sciencaj laboroj. — J. J.

*Kvara Kongreso de Italaj Esperantistoj*, Milano, 31 aŭgusto ĝis 2 septembro. — La komuniko inter la internacia kongresejo *Berno* kaj la kongresurbo de la italoj, *Milano*, estas nun tre simpla kaj kondukas la samideanojn tra la nova tunelo de Lœtschberg kaj tra la fama Simplon-tunelo. Tra la tuneloj elektraj lokomotivoj tiras la vagonarojn; fumo do ne ĝenos dum la tratunela veturado. Jen la plej rektaj vagonaroj:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Forveturo de Berno: | 0.~15, | 5.20, | 8.‥00, | 9.32, | 13.00, | 18.◡18 |
| alveno Milano-Centro: | 6.25, | 13.30, | 14.10, | 15.45, | 19.47, | 0.15 |

La horo 0.00 estas noktmezo. La vagonaro ~ havas nur 1an kaj 2an klasojn; la vagonaro ‥ enhavas manĝvagonon de Berno ĝis Milano; la vagonaro ◡ enhavas litvagonon. Oni atentu, ke sur itala teritorio oni devas pagi la unuaklasan bileton por profiti la litvagonon. Samideanoj irontaj al Berno, profitu tiun ĉi bonan komunikon, por veni Milanon! Koran bonvenon! La kotizaĵo por la Itala Kongreso (2 Sm.) estas sendota transpagile aŭ poŝtmandate al S-ro Oskar Bünemann, Milano, Via Saffi 24.

*Barcelona* (Hispan.). — La 15 junio okazis du ekskursoj; unu estis organizita de la grupo „Supren" al la fonto nomata „Rabasalet"; la alian organizis la grupo „Esperanto kaj Patrujo" al la urbeto San Feliu de Hobregat. Tial ke la ekskursoj okazis samtempe ili ne estis tro multnombre vizititaj, sed ili bone sukcesis. — La 22 junio la anoj de l'Esp.-Fako de l'Centro de komizoj per festeno en kamparo festis sian sukceson en la partopreno de la Literatura Konkurso de Kataluna Esp. Federacio okaze de ĝia tria kongreso. — A. P.

*Chambéry* (Franc.). — En la interdepartementa terkultura ekspozicio, kiu okazis de 11 ĝis 15 junio, la ĉi tiea Esp. Grupo ricevis diplomon de arĝenta medalo. — M. J. E.

*Firenze* (Ital.). — Okaze de la rememoriga festo de la granda muzikverkisto G. Verdi, la grupo de UEA partoprenis kun sia nova verda flago al ceremonio. — L. S.

*La Arboleda* (Hispan.). — La 8 junio la provincaj samideanoj ĉi tie kunvenis por ĉeesti la inaŭguradon de strato dediĉita al D-ro Zamenhof. Laŭ la programo la samideanoj estis akceptitaj en la ĉirkaŭaĵo de la urbo; orkestro, ludanta nian himnon, akompanis ilin ĝis la grupo, kie D-ro Hita ilin bonvenigis. La ĉefa momento okazis je 10½ h.: la malkovro de tabulo kun la nomo „Calle del Doctor Zamenhof“. S-ro D-ro Hita legis la oficialajn skribaĵojn de la urbkonsilantaro kaj faris poste paroladojn en hispana kaj esp. lingvoj; parolis ankaŭ S-ro Saez, prez. de la grupo, kaj S-ro Garnacho, urbkonsilanto. Tagmeze okazis amika festeno en „La Estrella“, dum kiu S-ro D-ro Hita legas memverkitan versaĵon pri la solena okazintaĵo, gratulajn leterojn de D-ro Zamenhof kaj aliaj eminentuloj. Posttagmeze oni prezentis komedion, kiu multe plezurigis la aŭskultantojn. — B. O.

*Madrid* (Hispan.). — La 8 junio kunvenis en la Campo del Rureo la madridaj esperantistoj por festi la 26an datrevenon de la apero de la unua libro en Esp. publikigita de D-ro Zamenhof. Regis granda entuziasmo, kaj post la festmanĝo parolis S-roj Guilmain, prez. de la grupo, Cid, Perogordo, Millan, Mangada kaj Alonso. La gravega ĵurnalo „El Liberal“ favore raportis pri la festo. — V. A.

*Remscheid* (German.). — La loka komercista unuiĝo, en kiu jam ekzistas esp. grupo, festis la 25-jaran datrevenon de sia fondiĝo de la 7 ĝis 9 junio. La grupo „Verda Stelo“ Elberfeld, kiu enkondukis Esp. en tiun societon, ankaŭ estis invitita. En la festlibro plurfoje troviĝas artikoletoj pri Esp. La Elberfelda grupo ankaŭ partoprenis la viziton de la grandegaj ŝtalfabrikoj „Bergische Stahlindustrie.“ — H.

*Stockholm* (Sved.). — La Teozofia Kongreso akceptis Esp. kiel kvaran kongreslingvon. S-ro D. de Szentmarjay faris dum la kongreso esp. paroladon. — D. d. S.

## ESPERANTISTA KALENDARO

*Julio* (27). — Jara kunveno de la Nederlanda Esperantista Societo en *Hago.*

*Aŭgusto* (14-20). Esperantista Semajno-Kongreso en *Gent.*

*Aŭgusto* (17-19). — Dua Tutruslanda Kongreso en *Kiev.*

*Aŭgusto* (19-21). — Dua Hungarlanda Kongreso en *Arad.*

*Aŭgusto* (19-21). — Germana Esperanto-Kongreso en *Stuttgart.*

*Aŭgusto* (24-31). — Naŭa Universala Kongreso de Esperanto kaj kvara kongreso de UEA en *Berno.*

*Aŭgusto - Septembro* (31-2). — Kongreso de italaj Esperantistoj en *Milano.*

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Bern,** 24—31 aŭgusto 1913

### Cirkulero.

En la lasta numero de nia oficiala organo ni publikigis noteton por la Delegitoj de UEA. Ŝajnas ke almenaŭ kelkaj komprenis la gravecon de publikigita en naciaj gazetoj traduko de tiu noto, ĉar ni jam ricevis eltranĉaĵojn el diversaj naciaj gazetoj. Ni insistas hodiaŭ je nia peto kaj esperas, ke ĉiuj Delegitoj plenumu sian taskon helpi al la sukceso de la Naŭa kaj de la Kvara de UEA.

**Loĝado.** — Kun bedaŭro kaj ĝojo ni povas komuniki ke jam ĉiuj ĉambroj *kun tri manĝoj* estas fordonitaj; de nun oni do mendu nur ĉambrojn kun matenmanĝo. Ni samtempe aldonas, ke pro tio neniu kongresano havos iun malprofiton, ĉar en la kongresurbo troviĝas multe da bonegaj restoracioj, kie oni povas bone manĝi por tre malmulte da mono (0.50—1 Sm.). Estas cetere ne malfacile trovi ĉambron tuj post alveno en unu el niaj multaj kaj bonaj hoteloj, kies liston vi trovos en la kongreslibro.

**Teatro.** — Krom la impresa socia dramo „La Patreco“ oni ludos ankaŭ la multvaloran kvaraktan dramon „Ginevra“, originale verkitan de nia samideano Edmond Privat. La samaj aktoroj, kiuj en Antwerpeno ludis „Kaatje“ venos Bernon kaj prezentos „Ginevra“, garantio certa por artplena ĝuo. Ambaŭ dramoj estas haveblaj ĉe la Organiza Komitato kaj kostas po 0.50 Sm. sen afranko.

**Ekspozicio-vendejo.** — Oni rapide mendu la tablojn. La koncerna mono povas esti pagata la unuan tagon de la kongreso en la ekspozicio mem. Vendotaĵojn kaj objektojn por la ekspozicio sendu rekte al la Kazino en Bern kaj samtempe avertu S-ron de Saussure, Lombachweg 27.

**Kongresa Libro.** — La teksto de la kongresa libro estas presita, sed ĉar ne ankoraŭ ĉiuj fakaj asocioj skribis pri kunvenoj, ni ne povis starigi la definitivan programon. La estraroj de ĉiuj fakaj asocioj do bonvole skribu antaŭ la 1a de aŭgusto al S-ro R. de Saussure, Lombachweg 27. Post tiu dato nenio plu povos esti presata en la oficiala programo.

**Gvidlibro tra Bern.** — Ni ĵus eldonis apartan gvidlibron multilustritan pri Bern, kiu enhavas ĉion sciindan pri la kongresurbo kaj estas havebla de nun por unu respondkupono.

La kongreslibro ne estas sendata al la aliĝintoj, sed oni ĝin ricevos en la kongresa Akceptejo kun la aliaj dokumentoj.

**Balo.** — Ni ankoraŭ unu fojon memorigas pri la granda balo en naciaj kostumoj en la kazino, por kiu oni nepre alportu siajn *naciajn kostumojn,* sed ne fantaziajn vestojn!

**Flagoj.** — Por la ornamo de la kongresurbo oni helpu alportante naciajn kaj Esperantajn flagojn. Kiu ne posedas tiajn, povos aĉeti ilin en la kongresa vendejo.

**Ekskursoj.** — Dum la kongresa semajno okazos unutaga ekskurso al Interlaken en Berna Oberlando, la plej bela alpara pejzaĝo en Eŭropo. Ĉar kelkaj kongresanoj timas, ke tia ekskurso estos danĝera, ni certigas, ke eĉ ne la plej eta danĝero ekzistas. Post la tagmanĝo en Interlaken la partoprenantoj estos liberaj dum kelkaj horoj kaj povos laŭdezire fari ekskursojn al la proksimaj montegoj, piede aŭ fervoje. Dum la tuta semajno la O. K. aranĝos ĉiutage veturadojn ĝis la Jungfraujoch, plej alta fervoja stacio en la mondo. Ĝi troviĝas meze inter neĝo kaj glaciaroj, sed en la roko de la Jungfraŭ mem, kie ankaŭ estas bonega restoracio eltranĉita en la granita roko. Tia ekskurso kostos, kun tagmanĝo sur Jungfraŭjoch, ne pli ol 30 frankoj (12 Sm.). Ankaŭ por aliaj montfervojoj la kongresanoj ĝuos specialan rabaton de 50 aŭ pli %.

**Aliĝoj.** — Ĉar la kongreslibro estos finpresita nur post la 10a de aŭgusto, ni povos enskribi en la liston de la kongresanoj ĉiujn nomojn, kiuj estos en niaj manoj antaŭ la nomita dato.

**Poŝtkartoj.** — Krom la du oficialaj poŝtkartoj oni eldonas nun grandan serion da belegaj vidokartoj pri Bern. Serio da 12 kartoj estos en oportuna „Festalbumo“ kaj kostos kune 40 spesdekojn, la ceteraj estos aĉeteblaj popece.

**Postkongresaj vojaĝoj.** — Estos aranĝataj du postkongresaj vojaĝoj: unu por du tagoj kondukos preter Inter-

laken, Meiringen kaj Brünig al Luzern kaj la Lago de la Kvar Kantonoj, nokto en Luzern; dua tago de Luzern al Flüelen, ŝipveturo sur la belega Lago de Kvar Kantonoj, poste al Zürich, kie okazos postkongresaj festoj. La dua daŭros tri tagojn kaj kondukos de Bern per la nova Lötschberg-fervojo meze tra la plej altaj alpoj al Brig kaj al Lago Maggiore en Italujo; la duan tagon restado apud tiu lago, mirinda ŝipveturado kaj la trian tagon tra Simplon al Montreux kaj vaporŝipe al Ĝenevo, kie okazos ankaŭ postkongresa festo. Por ambaŭ vojaĝoj oni povas aliĝi dum la unuaj tagoj de la kongreso. Apartaj listoj troviĝos en la Akceptejo. La kostoj por la vojaĝoj estos tre malaltaj, sed precizan prezon ni ankoraŭ ne povas diri. La intereso por tiuj ekskursoj estas jam granda, kaj ni povas certigi, ke la partoprenontoj vidos plej belajn pejzaĝojn kaj renkontos nur bonajn hotelojn.

**Kongresanoj.** — La 10 julio la nombro de la kongresanoj atingis **650**. Laŭ la spertoj de la ĝisnunaj kongresoj oni do povas esperi, ke proksimume 1500 personoj ĉeestos la kongreson. Sed oni bone komprenu, ke ne estas tre facile por la Organiza Komitato prepari kongreson por tiel granda anaro ne sciante certe la proksimuman nombron de la veraj ĉeestontoj. Oni do nepre rapidu aliĝi.

**Mendoj kaj korespondado.** — Ĉiun monon sendu al la Kantonalbank en Bern, ĉiun korespondaĵon (escepte pri ekspozicio kaj vendejo) al la Organiza Komitato. La kongresa karto kostas 15 frankojn (6 Sm.), helpkongreskarto por familianoj kostas po 3 Sm., 10 poŝtkartoj kostas 40 sd., 100 sigelmarkoj 40 sd.

*Berno,* 15 de julio 1913.

*La Organiza Komitato.*

---

## Listo de la kongresanoj (6a listo)

### Aŭstrio.

16. Klinger, J., *Böhmen,* Georgswalde 176.
17. S-ino Minarikova M., *Bystice-Hostyn.*
18. de Wierzchowski, H., *Lemberg,* Kurkowagasse 33.
19. Steiner, H., *Bisamberg b. Wien,* Villa Steiner.
20. S-ino Menzer, M., *Trieste,* via Rosetti 24 I.
21. D-ro Ghez, A., „ via Boschetto 13 III.

### Britujo.

84. Vacher, Ada K., *Whetstone,* Woodside House.
85. Jayne, Ernest K., *Old Charlton,* Kinveachy Gardens 22.
86. Wilson, John, *Leek,* Hilleston.
87. S-ino Wilson, M. M., „ „
88. F-ino Worthington, S., „ „
89. „ Worthington, G., „ „
90. F-ino Fyson, Ellen, *Taunton,* East Str. 4.
91. D-ro Rhys Jones, D., *Cardiff,* Paget Str. 19.
92. S-ino Rhys Jones, „ „
93. F-ino Rhys Jones, „ „
94. Waller, Georg, *Sheffield,* Archer Rd., Millhouses 58.
95. S-ino Waller, M., „ „ „
96. Brierley, Edouard J., *St. Helens,* Lancash, Grosvenor Rd.
97. F-ino Hamel, Alice, *Nottingham,* Derby Grove 14.
98. Ross, William, *Kilmornock,* Glasgow Rd.
99. S-ino Ross, W., „ „
100. Jankins, Katrino, *Liverpool,* Eusten Str., The Grove.
101. F-ino Mitchell, Ella, *Hailscham,* High Str.
102. Towers, Harald A., *Sheffield,* Vincent Rd. 127.
103. F-ino Broughton, Florence, *Liverpool,* Barrovarde Rd. 61, Sefton Park.
104. F-ino Pringle, Marg., *Edinburgh,* Dick Place 33.
105. „ Pringle, Helen, „ „
106. Harvey, William, „ „
107. Liston, R. G., *Glasgow,* Ruthven Str. 12.
108. F-ino Aikman, Rubby-Sibb., „ Grantly Gardens 14.
109. Peck, A. D., *Thornton Heath,* „Watton", Cotford Rd.
110. S-ino Peck, „ „ „
111. Chappel, Ethel, *Huddersfield,* Mount Plesant 13.
112. Beaumont, Magie, „ „
113. Rosling, Nellie, *Dinsdale,* Chatsworth Rd. 10.
114. Rodes, Josefo, *Keighley,* Drewry Terrace 54.
115. S-ino Rodes, E., „ „
116. Clark, V. Tyson, *Broughton in Furness,* The Square.
117. Luty, A. E., *Keighley,* Drewry Terrace 44.
118. Crofts, M. B., *Cleraine,* Barbour View 2.
119. Blackett, E. R., *Bath,* Southgate Str. 15.
120. S-ino Goodliffe, M., *Letchworth,* Elm Tree House.
121. Sultzberger, M., *Groydon,* Moreton Rd. 42.
122. S-ino Rosling, *Dinsdale,* Chatsworth Rd. 10.

### Francujo.

81. Léautier, J., *Valence,* rue Marguerite 11.
82. S-ino Léautier, L., „ „
83. F-ino Léautier, L., „ „
84. S-ro Léautier, L., „ „
85. F-ino Léautier, L., „ „
86. „ Rillet, M., *Pienelotte,* Drôme.
87. „ Roure, L., *Valence,* 11, rue Amblard.
88. „ Dumoulin, J., „ Place des Ozmeaux.
89. S-ro Marie-Florence, H., *Paris V,* 54, rue Monge.
90. F-ino Dancenis, Passionisse, „ „
91. Baillet, L., *Nice,* 9—11, Avenue Thiers.
92. Strub, *Rouen,* 77, rue Lafayette.
93. Duchemin, „ 12, rue Brémontier.
94. F-ino Beynard, C., *Toulouse,* 83, route de Revel.
95. Chardenot, L., *Laval,* 28, rue de Bootz.
96. Emery, J., *Néris-les-Bains.*
97. Bidet, J., *St-Pourçain-sur-Sioule.*
98. Rondeleux, Paul, *Paris,* 80, Bd. Port-Royal.
99. S-ino Rondeleux, E., „ „
100. Pion-Müller, J., *Beaune,* 21, rue de la Lorraine.
101. D-ro Fiquet, M., *Chambéry,* 6, rue des Portiques.
102. S-ino Fiquet, M., „ „
103. Prof. Beau, B., *Mâcon,* 86, rue de Lyon.
104. Martin, A., „ 10, Quai du Nord.
105. Prof. Ferran, G., *Tours,* 59, rue Avisseau.
106. S-ino Ferran, M., „ „
107. Couffinhal, P., *Reims,* 18, rue de l'Union foncière.
108. Colas, Claudius, *Montmagny,* 7, rue des Marronniers.
109. S-ino Ferter, E., *Paris,* 93, rue Lepic.
110. Chavet, G., „ 59, rue Damrémont.
111. Leprieur, A., „ 82, Bd. St-Germain.
112. Prof. Hermant, A., „ 7, rue Toullier.
113. F-ino Templier, I., „ 36, Bd. Henri IV.
114. „ Adam, *Troyes* (Aube), 68, rue Thiers.
115. „ Petit, *Brévonnes* (Aube).
116. „ Colléatte A., *Amiens,* 17, rue Le Mongnier.
117. Mouton, H., *Paris XV,* 42, rue Mathurin Regnier.
118. F-ino Giraud, *Chartres,* 32, rue de la Tonnelerie.
119. Souchay, E., *Paris XVI,* 134, Boulevard Exelmans.
120. Cotton, Aimé, „ rue d'Ulm.
121. S-ino Cotton, „ „
122. F-ino F. Doré, *Troyes,* Villa Esperanto.
123. „ Castihon, E., „ „
124. „ Castihon, A., „ „ *(Daŭrigota).*

---

## TRA LA GAZETARO

.·. *Verda Standardo* (julio). Sub la titolo: *Malnovaj, sed ankoraŭ atentindaj vortoj de nia majstro:*

„... Niaj kongresoj, ne sole la universalaj, sed ankaŭ la naciaj, havas antaŭ ĉio signifon instruan kaj edukan. Esperantistoj, disĵetitaj en diversaj urboj kaj urbetoj, kunvenas en pli aŭ malpli granda amaso, por aŭdi nian lingvon, por kontroli, ĉu ili ĝuste ellernis la lingvon, ĉu ili bone ĝin komprenas, por kompari sian propran manieron de parolado kun la parolmaniero de pli spertaj esperantistoj. Kiam ili poste revenas hejmen, ili ne sole mem parolas pli pure, sed ili alportas modelon de bona parolado al tiuj, kiuj restis hejme. Tiamaniere la kongresoj reguligas la uzadon de nia lingvo, kaj dank'al niaj kongresoj jam nun oni parolas Esperanton perfekte egale ne sole en la plej malproksimaj anguloj de ĉiu aparta regno, sed en ĉiuj plej malsamaj lokoj de la tuta tera globo. Jam nun, kiam oni aŭdas bonan kaj spertan esperantan oratoron, oni neniel povas diveni, al kiu nacio aŭ lando li apartenas. La plena aŭtonomia vivo de nia lingvo, kun ĝia absolute propra ne pruntita kaj ne imitita spirito, ĉiam pli kaj pli fortikiĝas tiamaniere, kvazaŭ ĉiuj esperantistoj de la mondo loĝus kune sur unu malgranda peco da tero..."

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj.** — Nia prezidanto, kiu estis speciale komisiita por reprezenti UEA ĉe la Mondkongreso de la Internaciaj Asocioj, en Gento-Bruselo la 15—18 junio, sendis al ni la jenan raporton:

Kun plezuro mi sendas al vi mallongan raporton pri la ĵus finita Mond-Kongreso de Internaciaj Asocioj, por kiu vi min honoris nominte min kiel delegiton de UEA, kune kun S-ro Vermandel. Entute 10 asocioj interesataj pri la alpreno de internacia helplingvo artefarita estis reprezentataj kaj dekduo da fervoraj Esperantistoj tre helpis la propagandon de nia movado en tiu internacia rondego.

La oficialaj lingvoj de la Kongreso estis la Franca, Germana kaj Angla, sed mi estis la sola persono, kiu paroladis alimaniere ol france, kaj fine konstatinte, ke nur tre malmulte da personoj komprenis mian anglan, mi tre amuzis la aŭskultantaron parolante la francan lingvon dum 20 minutoj pri la praktika utileco de nia afero. Tre certe post tia parolado ili pli ol iam antaŭe konsciis pri la bezono por internacia lingvo, facila kaj neŭtrala.

Inter la ĉeestantaj Esperantistoj estis Generalo Sebert, kiu parolis en la nomo de la Francoj, S-roj Chavet, Barras, Jakobs, Abbé Richardson (kiu bedaŭrinde tre malsanas) kaj S-ino Ferter. La lingva diskutado troviĝis en fakoj 5 kaj 6 de la Kongreso, kaj ĉar estis unu societo, kiu okupiĝis pri la alpreno de la franca lingvo, oni dividis la 6 fakojn en du partojn, unu por la subtenantoj de internacia lingvo artefarita kaj la alia por nacia lingvo, kun la rezultato, ke kelkaj francoj kunvenis kaj varme rekomendis, ke la franca estu alprenata. Kompreneble, tiu propono ŝajnis tiel eksterordinara, ke mi nepre devis albatali ĝin parolante angle, kaj poste S-ro Jakobs demandis, kial oni ne povas paroli Flandre en Belga Kongreso; oni devis forlasi la proponon en brua konfuzo.

La raportoj de Abbé Richardson nome de la Katolikaj Esperantistoj, de S-ro Bourlet pri la Matematika Terminaro kaj ankaŭ pri la Centra Oficejo Esperantista, estos presitaj kune kun la bonega raporto de Direktoro Hodler pri UEA en la granda dokumentaro de la Kongreso, kiu certe servos kiel utila monumento pri nia progreso.

Inter la agrablaj festenoj, ĉe kiuj la Esperantistoj daŭrigis sian propagandon, oni povas citi la akcepton de la Ministro de Eksterlandaj Aferoj, la Ĝarden-Akcepton de Barono Janssen ĉe Ukkel, kaj festmanĝon proponitan de la Urbestro de Gento. Ĉe la fina festeno, kiu okazis en Boisfort, apud Tervueren, mi faris salutan paroladon, en kiu mi diris, ke dum kelkaj tagoj mi tre obeeme agis laŭ la reguloj de la Kongreso, kaj ne parolis Esperante, sed ke nun mi opinias, ke la Kongreso estas finita, kaj mi rifuzas obei plu iajn ne-inteligentajn leĝojn, kaj mi do parolados Esperante. Mi eble paroladis dum 5 aŭ 7 minutoj, kaj la aŭskultantaro tre miris pro tio, ke ili komprenis ĉiun vorton, kiun mi diris, kaj nia lingvo ricevis tre varman akcepton.

Mi diris, ke mi esperas, ke por la venonta Kongreso ni povos paroladi oficiale Esperante, kaj la solvo de tiu demando restos en la manoj de niaj kunlaborantoj, kiuj, mi esperas, klopodos ĉe la direktoro de tiu grava Internacia Oficejo por permesi, ke ĝi estu unu el la unuaj kiu uzas Esperanton.

Inter aliaj vizitoj mi devas nepre citi la belan internacian muzeon ĉe Cinquantenaire, kiu enhavas fakojn pritraktantajn ĉiujn internaciajn societojn, inter aliaj bona ekspozicio de Esperantaĵoj.

*H. Bolingbroke-Mudie.*

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 30 junio estas enkasigitaj de la Centra Kaso de UEA 5581 kotizaĵoj (el kiuj 143 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 397; Laborista Fako: 22; Virina Fako: 54; Studenta Fako: 33.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondaĵoj en la C. O. de UEA dum junio 1913:

| Ricevitaj | Forsenditaj | Mandatoj |
|---|---|---|
| 1010 | 1101 | 120 |

Tuta sumo: 2231. Antaŭa monato: 3262. Antaŭa jaro (sama monato): 2253.

**Financoj.**

*Konteltiro de UEA por la monato junio 1913:*

| Enspezoj | Fr. | Elspezoj | Fr. |
|---|---|---|---|
| Membroj | 383. 34 | Oficejo | 62. 10 |
| Subtenantoj | 5. — | Salajroj | 450. — |
| Entreprenoj | 31. 80 | Korespondado | 130. — |
| Jarlibro | 61. 60 | Jarlibro | 3425. — |
| Adm. Enspezoj | 16. 20 | Esp. Elspezoj | 68. 60 |
| Fr. | 498. 34 | Fr. | 4135. 70 |
| Saldo „ | 3637. 36 | | |
| Fr. | 4135. 70 | Fr. | 4135. 70 |

**Novaj Delegitoj.**

*Arden* (Usono, Delaware). — D.: Donald Stephens.

*Aŝhabad* (Azia Rusujo, Transkaspia). — D.: N. V. Starosjelskij, Meza Azia fervojo.

*Besançon* (Francujo, Doubs). — D.: Raoul Bretillot, rue Ricotte.

*Buenos-Aires* (Arĝentino). — D.: Gerardo Muinos, Casilla de Correos 737.

*Compiègne* (Francujo, Oise). — VD.: Paul Lécuru, 15, rue de Soissons.

*Cronenberg* (Germanujo, Rheinland). — D.: Hermann Wolfertz, Heide 24.

*Czestochowa* (Rusujo, Polujo). — D.: Abram Karmiol, 5, Nowy Rynek.

*Dubrovnik-Ragusa* (Aŭstrio, Dalmatien). — D: Rudolf Rubĉiĉ, poŝtoficisto.

*Konstantinov* (Rusujo, Polujo). — D: A. Bialocerkiewski.

*Niĵni-Nowgorod* (Rusujo). — D.: Gennadij Malenkov, Kontoro „Kavkas i Merkurij".

*Novy-Dvur-Horazdovice* (Aŭstrio, Bohemujo). — D.: Josef Hajek, instruisto.

*Sarignano di Romagna* (Italujo, Forli). — SD: Rev. kanoniko Pietro Pollazi.

*S. Arcangelo di Romagna* (Italujo, Forli). — SD: Rev. Pietro Carabini.

*Stralsund* (Germanujo). — D.: Rudolf Buhtz, Peter Blomestrasse 5/II.

*Warrington* (Anglujo, Lancas). — D.: J. St. Smith, 22, Arpley street.

### Ŝanĝoj.

*Berlin* (Germanujo). — D.: Chr. Sostmann, Charlottenburg-Berlin, Kaiserin Augusta Allee 49, 2. Eingang 3.

*Danville* (Usono, Penn.). — D.: W. V. Oglesby.

*Kiel* (Germanujo). — D.: A. Dicks, Gœthestrasse 27.

### Rimarko.

La Del. de Prostejov (Aŭstrio, Moravio) loĝas dum julio kaj aŭgusto en *Jindrichuv-Hradec*, strato Ruzova 31.

### Korekto.

La nomo de la VD. en *Napoli* estas Celestino Cacace.

### Eksiĝo.

*Zara* (D.: Rubĉiĉ).

## ESPERANTIAJ KARAVANOJ

Speciala malmultekosta karavano ekiros de Charing Gross Vendredon, la 22 Aŭgusto, 1913, tra Dover, Ostend, Ceent, Strassburg, kaj Basel, per speciala vagonaro, je 9 h. vespere, alvenonta al Berno 9.5 vespere, Sabaton.

*Kondukisto:* S-ro J. Bredall, F. R. G. S., Vicprezidanto de la Londona Esperanta Klubo.

*Helpanto:* S-ro S. R. Marshall.

*Prezo:* 61,25 Sm. Por tiu sumo oni havas rajton al duaklasa bileto ĝis Berno, ŝatindaj loĝejo kaj manĝado en Berno (t. e. ĉambro, matenmanĝo kaj vespermanĝo ĉiutage), komencante je la vespermanĝo Sabaton la 23 Aŭgusto kaj finiĝante je vespermanĝo Vendredon la 29.

La vojaĝbiletojn oni povas uzi por reveni iun tagon dum 25 tagoj post la foriro, kaj revenante oni povos halti en Strassburg, Metz, Luxemburg, Bruxelles, Geent (por vidi la ekspozicion), Bruges kaj Ostende.

*Laŭvolaj aldonaĵoj:* Ia klaso sur la ŝipo 4s (Sm. 2). Por reveni de Berno tra Parizo, Calais aŭ Boulogne 10s 6d (Sm. 5.25). Oni devos decidi pri tio antaŭ ol ekiri de Londono.

*Pluan pensionan loĝejon* oni povos havi laŭ aranĝo kun la pensionestro.

*Biletoj por la vojaĝoj* inter provincaj urboj kaj Londono (iro kaj reveno estas samtempe aĉeteblaj je malmulta kosto, kaj uzeblaj dum 45 tagoj.

*Maten- kaj tagmanĝojn* oni povos havi survoje en la vagonara manĝvagono je moderaj prezoj.

Oni ŝanĝos vagonarojn en Basel, kie okazos halto de 2 horoj.

Konsilinde estas, ke oni skribu *kiel eble plej baldaŭ* al *Thos. Cook & Son,* Ludgate Circus, *London,* E. C.

### Karavano Paris-Bern

Lastmomente S-ro Souchay, Laborkonsulo de UEA en Parizo, 134 Boulevard Exelmans, Paris, 16e, alprenis la taskon direkti, sub la aŭspicioj de UEA, karavanon por la kongreso, de Parizo ĝis Berno.

La partoprenantoj skribu al li plej baldaŭ kaj detale pri siaj specialaj deziroj. Ili ricevos tuj poste detalajn informojn.

## Statistiko de la Esperantiaj servoj

Ĉiujare la C. O. de UEA plenumas diversajn statistikajn laborojn. Unuj rilatas al la diversaj servoj farataj de niaj Delegitoj; aliaj koncernas la dispartigon de la Esperantianoj laŭ la landoj kaj distriktoj. Ni en tiu ĉi N-o ekzamenos la unuajn.

La ciferoj sube legeblaj rilatas al la jaro 1912. En marto ni sendis al ĉiuj Delegitoj detalan demandaron pri la diversaj servoj de ili plenumitaj. Post alsendo de rememoriga averto, la granda plimulto el ili respondis. Tamen mankas respondoj el diversaj lokoj, sed ĉar tiuj lokoj estas malgravaj, la subaj ciferoj, kvankam minimumaj, respondas sufiĉe ĝuste al la realeco. La statistikoj de la antaŭaj jaroj estis farataj en tute samaj cirkonstancoj. Oni do povas ilin facile kompari.

Komparo kun la ciferoj de la lasta jaro montras kreskon, cetere ne gravan, kiu atingas preskaŭ ĉiujn fakojn, precipe la servojn al vojaĝantoj kaj la diversajn servojn, kiuj ne speciale koncernas komercon, turismon kaj junulojn. La movado de la korespondaĵoj kreskis je ĉirkaŭ 25 % de unu jaro al la alia. La nombro de la gazetartikoloj kaj paroladoj restis preskaŭ sama.

Samtempe kun statistiko de la Esperantiaj servoj ni faras enketon pri la Esperantaj kursoj kaj la mezaj nombroj de iliaj lernantoj. La ciferoj de 1912 montras malprogreson kompare kun 1911. Tiun rezultaton oni niaopinie povas aljuĝi parte al la streĉita politika situacio de Eŭropo, kiu malhelpis la progreson de nia movado kaj donis alian direkton al la priokupoj de la publiko, parte al reala malakcelo de la propagando en kelkaj regionoj.

La unuan fojon ni dispartigis tiujn diversajn ciferojn ankaŭ laŭ landoj. Plej multajn informojn oni petas pri Germanujo, poste pri Rusujo, Aŭstrio - Hungario, Britujo kaj Francujo. La servoj al vojaĝantoj estas faritaj plejmulte en Germanujo, Aŭstrio (Oka Kongreso), Britujo, Italujo. La movado de la korespondaĵoj estis plej grava ĉe la germanaj delegitoj, poste ĉe la francaj, britaj, svisaj, rusaj, aŭstriaj. Rilate al propagando per gazetartikoloj aŭ paroladoj, Germanujo kaj Rusujo estas je la unua vico. La pli multaj Esperantaj kursoj kun la pli multaj lernantoj estis en Francujo, poste en Germanujo, en Aŭstrio, en Rusujo kaj en Britujo.

Tiaj, kiaj ili estas, tiuj diversaj ciferoj klare montras la utilecon kaj kreskantan uzatecon de UEA. Sumante ilin de la kreo de UEA ĝis fino 1912, oni konstatas, ke 32.789 servoj estas plenumitaj kaj 164,392 korespondaĵoj interŝanĝitaj. Ne multaj internaciaj asocioj povas prezenti tiajn ciferojn. Niaj delegitoj, niaj propagandistoj uzu ilin kaj ne timu apogi siajn asertojn sur ilia trafa realeco.

## Statistiko de la Esperantiaj servoj

A. Laŭ fakoj kaj jaroj

| | 1909 | 1910 | 1911 | 1912 | 1909-1912 |
|---|---|---|---|---|---|
| Komerco . . . . . . | 1,120 | 1,513 | 2,698 | 2,835 | 8,166 |
| Junuloj kaj Studentoj . | 218 | 402 | 528 | 495 | 1,643 |
| Turismo . . . . . . | 650 | 681 | 1,252 | 1,362 | 3,945 |
| Servoj al vojaĝantoj[1] . | 628 | 1,110 | 1,704 | 1,930 | 5,372 |
| Diversaj servoj . . . | 940 | 3,756 | 4,293 | 4,674 | 13,663 |
| Sumo | 3,556 | 7,462 | 10,475 | 11,296 | 32,789 |
| Movado de la korespondaĵoj de la Delegitoj . | 5,754 | 14,651 | 19,075 | 25,550 | 65,030 |
| Movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de UEA | [2] | 23,940 | 34,355 | 41,087 | 99,382 |
| | 5,754 | 38,591 | 53,430 | 66,637 | 164,412 |
| Gazetartikoloj pri UEA . | 326 | 606 | 863 | 865 | 2,660 |
| Paroladoj pri UEA . . | 218 | 464 | 547 | 512 | 1,740 |
| Esperanto-Kursoj . . . | [2] | 739 | 1,036 | 852 | 2,627[4] |
| Partoprenantoj ĉe la Esp.-Kursoj . . . . . | [2] | 11,941 | 17,530 | 16,082[3] | 45,553[4] |

[1] Skribaj informpetoj pri turismo. [2] Statistiko ne farita. [3] Enkalkulante 2318 lernantojn en Samos-insulo pro la deviga instruado, nun forigita. [4] 1910-1912.

## Statistiko de la Esperantiaj servoj

B. Laŭ landoj (1912)

| | Skribaj inform-petoj | Servoj al vojaĝantoj | Movado de la kore-spondajoj | Gazet-artikoloj | Paroladoj pri UEA | Esp.-kursoj | Lernantoj ĉe la kursoj |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio-Hungario | 1,071 | 382 | 1,919 | 82 | 55 | 89 | 1,883 |
| Belgujo | 295 | 83 | 1,126 | 1 | 9 | 28 | 599 |
| Britujo | 851 | 173 | 2,675 | 45 | 61 | 102 | 1,042 |
| Bulgarujo | 21 | 10 | 42 | — | — | — | — |
| Danujo | 134 | 32 | 313 | 8 | 5 | 13 | 141 |
| Francujo | 762 | 132 | 3,295 | 85 | 30 | 184 | 2,434 |
| Germanujo | 1,674 | 471 | 4,791 | 182 | 84 | 171 | 2,326 |
| Hispanujo | 378 | 69 | 659 | 48 | 12 | 45 | 584 |
| Italujo | 411 | 152 | 1,875 | 31 | 21 | 18 | 325 |
| Nederlando | 111 | 93 | 225 | 66 | 26 | 25 | 478 |
| Norvegujo | 194 | 5 | 136 | 1 | — | 4 | 20 |
| Portugalujo | 169 | 11 | 255 | 15 | 3 | 15 | 234 |
| Rumanujo | 79 | 14 | 74 | 2 | 2 | 8 | 152 |
| Rusujo | 1,305 | 121 | 2,207 | 100 | 110 | 103 | 1,492 |
| Svedujo | 98 | 14 | 198 | 11 | 1 | 6 | 77 |
| Svisujo | 259 | 92 | 2,481 | 37 | 17 | 16 | 223 |
| **Eŭropo** | 7,812 | 1,854 | 22,271 | 714 | 436 | 827 | 12,010 |
| **Ameriko** | 894 | 43 | 1,997 | 130 | 66 | 50 | 773 |
| **Afriko** | 232 | 17 | 672 | 14 | 5 | 14 | 85 |
| **Azio** | 393 | 16 | 554 | 6 | 5 | 53 | 3,132 |
| **Oceanio** | 35 | — | 56 | 1 | — | 8 | 82 |
| Tutmondo | 9,366 | 1,930 | 25.550 | 865 | 512 | 952 | 16,082 |
| | 11,296 | | | | | | |

# Esperantia Parolejo

### Oni laŭdas!

.·. S-ro *Giraud,* Esp-iano en Marseille, dankegas S-inojn Cerna (Bohemujo), Gonnet (Alĝerio), S-rojn Frarbach (Germanujo), Martin (Francujo), Falava (Finnlando), Dreusicke (Germanujo), Fain (Usono), Rousseau (Francujo), Sanderson (Usono), kiuj atentis kaj respondis la demandaron aperintan en *Esperanto* de 5 februaro 1913. „Legantoj, Delegitoj, bonvolu ĝin legi kaj diskonigi.“

.·. S-ro *Gervois,* Del. en Toul, dankas S-rojn Tournier, Lêvy, Laignier, Cuguet, Doré, Villemain, Aussenac kaj Protin, kiuj respondis akurate, kaj petas respondon de Del. en Loanda, Rabat, Calcutta, kiuj ne ankoraŭ respondis al li.

.·. „La Del. en *Marseille* dankas la sinjoron fremdan, al kiu li disponigis tualetilojn kaj kiu dum lia momenta forestado purigis siajn ŝuojn per blankaj kurtenoj.“ *(Sic!)*

# Alvokoj

### Ruslandaj Esperantistoj.

Dum 26-jara ekzistado de Esperanto, Rusujo havis nur unu kongreson. Tamen por ĉiu estas klara la neceseco de unuiĝo kaj de periodaj kunvenoj. Tial ni estas certaj, ke vi aprobos la proponon de Kieva „Verda Stelo“ kaj venos al jam permesita de loka administracio Esperanto-Tagaro en Kiev (17—19 aŭgusto n. st.), kiu post baldaŭa oficialigo de Ministro de I. A. nomiĝos II. Tutrusa Kongreso Esperantista.

Ĉu sub la unua, ĉu sub la dua nomo, ĉu partoprenos aliurbanoj, ĉu nur la Kievanoj, estos plenumita jena programo:

*17. mat.* Malfermo. Komuna kunsido. Tage: Vizito al Tutrusa Ekspozicio. Vesp.: Koncerto en Negocista Ĝardeno.

*18. mat.* Kunsidoj de apartaj asocioj. Raportoj. Ekzamenoj. Tage: Ekskursoj al Zavra Katakomboj, al Vidindaĵoj. Vesp.: Vizito al Tutrusa Ekspozicio.

*19. mat.* Komuna kunsido. Fermo. Tage: Ŝippromenado sur Dnepr. Vesp.: Je la 9 h. forveturo Bernon per UEA karavano.

Ju pli multaj enskribiĝos, des pli ampleksiĝos la programo kaj des pli riĉiĝos je gravaj rezultatoj tiu kunveno.

La cirkonstancoj favoras nin: malgraŭ la Ekspozicio la guberniestro malpermesis plialtigi la prezojn, kaj bona hotelo „Kane“ donas al Esperantistoj 10 % da rabato. Vi vidos antikvan, nune altkulturan kaj riĉan urbon, belan naturon, Tutrusan kaj Internacian Ekspozicion kun pli da oportunaĵoj kaj pli malkare ol se vi estus neesperantisto.

La tekstojn de raportoj, legotaj dum laboraj kunsidoj, oni liveru en rusa kaj esp. lingvoj (aparte) ĝis la 20 julio (2 de aŭgusto n. st.).

La reprezentantoj de T. E. K. S., UEA, T. I. A. kaj de aliaj asocioj volu senprokraste nin sciigi, ĉu ili kunvenos dum Tagaro. La kluboj kaj grupoj sendu delegitojn.

Ĉiuj konsiloj estas danke akceptitaj. Oni respondas je informpetoj nur se estas aldonita respondilo. La kotizo (3 rubloj) rajtiganta je posta senpaga raporto, estas tuj sendebla per transpagiloj (en konton de „Verda Stelo“), kaj per poŝtmandatoj al kasisto de O. K. S-ro J. Borodkin, Dumskaja ploscad, mag. Okladĉika.

Kiu ne povas tuj sendi la kotizon, almenaŭ sciigu nin pri alveno.

Sekretarioj-organizantoj:

*G. Jaĵgunoviĉ.*

*M. Kiperman,* Kuzneĉnaja 69.

*V. Traĉevskij,* B. Podvalnaja 25.

### Por la militaj vunditoj

Sekve de la alvoko publikigita en n-ro 134 de *Esperanto* (20 novembro) ni ricevis la jenajn donacojn:

| | Fr. |
|---|---|
| Elemer Szikszay | 3. — |
| Taravant | 1. 25 |
| Ulitzsch | 2. 50 |
| Koch | 2. 50 |
| Linköping | 5. — |
| Potkast | 1. — |
| Kearney | 3. 15 |
| Kober | 1. — |
| Ranft | 1. 30 |
| Pagirev | 7. — |
| Sumo | Fr. 27. 70 |

Tiu sumo estas transdonita la 11 aprilo 1913 al la Komitato de la Internacia Ruĝa Kruco en Ĝenevo.

*Centra kaso de UEA.*

### Por Esperanto en Idaho.

Post multe da laboro mi anigis al nia granda asocio la ĉi tiean Komercan Klubon. La sekretario, S-ro Childs, tre entuziasmiĝis je Esperanto, post kiam mi montris al li la praktikan flankon de nia afero.

Kompreneble, la ĉitiea Komerca Klubo ne jam elpresis ian legaĵon Esperante presitan, sed se vi kaj viaj geamikoj *nur alsendos poŝtkartojn* al la „Boise Commercial Club, Boise, Idaho, Usono (U. S. A.).“, demandantajn, ke vi deziras legaĵon Esperante presitan, eble la Klubo elpresos tian legaĵon! Ni atendu! Mi mem respondis al multaj similaj al tiu ĉi alvokoj kaj multe laboris aliloke por anigi firmojn kaj komercajn klubojn kaj ĉambrojn, sed mi malsukcesis...

Nun mi estas feliĉega — mi anigis la plej grandan Komercan Klubon en la grandega ŝtato Idaho en nian Esperantion!

Mi petas vin, ke vi tuj skribu al la supra adreso, senprokraste, kartojn aŭ leterojn.

En Boise, ekzistas nur du Esperantianoj. Tial, se vi deziras helpi min propagandi nian karan lingvon en la ŝtato Idaho, eklaboru per alsendo de karto aŭ letero!

*R. E. Blackstone,* Del. de UEA, Boise, Idaho, Usono (U. S. A.).

### Antaŭkongreso de la Naŭa

(21—22 aŭgusto 1913).

Venu Stuttgart'on! Dum kaj post la 8a Germana Esperanto-Kongreso ni aranĝos en *Stuttgart* antaŭkongreson de la Naŭa. Stuttgart estas fame konata pro sia bela situacio meze en valo ĉirkaŭita de ĝardenoj, vinberejoj kaj arbaroj. Belaj konstruaĵoj kaj

muzeoj, kaj precipe la granda artekspozicio dum somero 1913 faras vizitinda nian urbon. La vagonaroj al Stuttgart estas bonaj kaj rapidaj el ĉiu direkto. La vojo preter Stuttgart estas la *plej malkara* por ĉiuj samideanoj venantaj el la nordo kaj mezo de Germanujo, el Danujo, Norvegujo, Svedujo, Rusujo, Polujo, precipe ĉar la vojaĝo de Stuttgart al Bern'o estos je rabatita prezo (v. sube). Sed ankaŭ la samideanojn el Anglujo, Nederlando, Belgujo k. t. p. ni invitas, ĉar la vojaĝo estas pli bela preter Stuttgart kaj nur malmulte pli kosta.

*Loĝado* en hotelo aŭ privata domo (oni baldaŭ mendu, sed ne sendu la monon, ĉar ni nur peras la loĝejon!):

Unu nokto kun matenmanĝo kostas

| | | |
|---|---|---|
| Ia klaso | pli ol | 1—2.250 Sm. |
| IIa „ | | 1.500—2.250 Sm. |
| IIIa „ | | 1.000—1.500 Sm. |

La *programo* de la kongreso estas tre enhavoriĉa: Ĵaŭdon 21 gvidado tra la novaj kaj belaj reĝaj teatroj; vespere teatra prezentado. Vendredon 22 okazos kelkaj ekskursoj, gvidado tra la urbo, vizito de la artekspozicio kaj vespere amuza kunveno k. t. p., Sabaton 23 komuna *vojaĝo al Bern'o* je rabatita prezo (jam nun mendu kaj pagu!): por 2a klaso 9.600 Sm. (anstataŭ 11.400); por IIIa klaso 6.350 Sm. (anstataŭ 7.700). Forveturo de Stuttgart 8.03 matene; duhora restado en Zürich; alveno en Bern je 6.00 vespere.

La aliĝo estas senpaga; sed oni devas *antaŭmendi* loĝadon kaj *antaŭpagi* la vojaĝon al Berno. La adreso de nia komitato, kie oni ankaŭ sciigas ĉion pli detalan pri la kongreso, estas: *Esperanto-Kongreso, Neue Weinsteige 61, Stuttgart.*



# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

AIDIN (Azia Turkujo). — S-ro Marko Malki, ŝuisto, P. I.

BALAKOVO (Rusujo, Sam. gub.) — S-ro Joh. Hanŝtein, Troicka ploŝĉ., metaltornisto (kun alilandaj sammetianoj).

BOCHUM (Germanujo). — S-ro Herm. Rosenthal, Ferdinandstrasse 25, PI.

BOCHUM (Germanujo). — S-ro Carl Liebergesell, Weihestr., PI.

BRADSHAW APUD BOLTON (Anglujo, Lanc.). — S-ro Johano Birtwistle, 236 Turton Road, PK., L. (kun ĉiujlandaj fervojistoj pri fervojaj aferoj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro W. Lamberts, poste restante Nord, PI., PM. (uzitaj kaj neuzitaj).

BRUSELO (Belgujo). — S-ro H. Halewyck, 32, rue de l'Ourth, PM., PI. (kun alilandanoj krom francoj).

CRONENBERG (Germanujo, Rejnlando). — S-ro Herm. Wolfertz, instruisto, PI., PM. Esp. ĵurnaloj (kun ĉiuj landoj).

JIĈIN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Leopold Holoubek, nové mesto 174, PI., PK., PM., bfl.

LEBEDJANJ (Rusujo, Tambov. gub.). — S-ro Boris Igumnov, selo Trabetĉini (kun ĉiuj landoj).

MATOSINHOS (Portugalujo). — F-ino D. Maria Leonora Allen do Souto, Alameda Passos Manoel, PI. (kolorigitajn), bfl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Aleksandro Sĉastnev, Gruzini, Trindinskij per. 18, kv. 12.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Mikaelo Aleksandrov, Rusa Komerca kaj Industria Banko (nur esperantajn ĉiulingvajn sigelmarkojn).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro Voldemaro Koĥ, Presnja, Fabrika Proĥorova, PM., PI., bfl.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro N. Dolev, Bolŝie Kamentŝiki 22 (kun ĉiuj landoj pri teatra demando).

NEMME (Rusujo, Liflando). — S-ro Arnold Ostavel, 16-jara, pr. Quellenstein, PI. (kun ĉiulandaj samaĝaj samideanoj, volonte kun Japanoj, Hindoj kaj Ĥinoj, fotografaĵo dezirata).

NUERNBERG (Germanujo). — S-ro Georg Dolhopf kaj grupanoj, Mendelstr. 29, PI., bfl. (kun negermanoj).

PHILADELPHIA, XXXI st. (Usono). — S-ro C. C. Coigne, 2157 E. Cumberland st. (kun studentoj de nenormala psikologio kaj psikoterapeŭtiko).

PODOLSK (Rusujo, Moskva gub.). — „Dubrovici", F-ino Z. Ĵelavskaja (kun ĉiuj landoj).

RIO DE JANEIRO (Brazilujo). — S-ro Odillo Pinto, 2-a Secção da Contabilidade dos Telegraphos.

SIEGMAR (Germanujo, Saksujo). — S-ro Otto Türk, PI., bfl. (nur kun eksterlandanoj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Voldemaro Honin, Mescanskaja 23, loĝ. 6.

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro Voldemaro Liĥaĉov, lernanto, Kazanskaja 27, loĝ. 1, PI. (kun geknaboj kaj gejunuloj de tuta mondo).

TEMESVAR (Hungarujo). — S-ro Roberto Rószler, Fö-utca 3, Gyárváris, PM., PI. (kun ekstereŭropanoj kaj filatelistoj).

TOULON (Francujo, Var). — S-ro H. Berenguier, rue Courbet 20, PI.

TOULON (Francujo, Var). — S-ro E. Meunier, 7, Cité Montety, PK., PM., L.

TOUŜKOV APUD PLZEN (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Ondrej Kohler, fervojoficisto, PI, L. (pri ĉiuj temoj kaj kun ĉiuj landoj).

VERONA (Italujo). — S-ro Turri Ermenegildo, Calcirelli 1, Slustrisk Post.

VLADIVOSTOK (Siberio). — S-ro revizoro Aleksandro Pagirev, Krepostnoj Kontrol (Citadela Kontrolo) PI. (kun ĉiuj landoj).

ZGIERZ (Rusujo, Polujo). — S-ino Helena Knapska, PI., PM. (kun ĉiuj landoj; sendas rusajn jubileajn PM.).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

ATENTU. — D-ro Stanislav, Schulhof, Pardubice, Aŭstrio-Bohemujo, kolektas ĉiuspecajn fremdlandajn aĵojn, precipe etajn hejmajn produktaĵojn karakterizajn por la koncerna nacio, kiel brodaĵoj, pentraĵoj, puntoj, kaptukoj kaj aliaj objektoj el ĉiutaga vivo. Esperantistoj, speciale legantoj de poeziaj verkoj de la sama, bonvolu fari siajn proponojn.

ĈIUJ ESPERANTISTOJ KONSENTAS, ke ne povas esti festo, festeno, balo, kongreso kaj familia festo sen ESPERANTIO, burgunda ŝaŭmanta vino por Esperantistoj, de S-ro *Gaston Charcousset* Esperantia entrepreno). Bonega kvankam malkara: *Petu* senpagan.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de UEA 1913. — Delegito de UEA Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina), Brazilujo.

INSTRUISTO FRANCA deziras restadi dum la tempo aŭgusto-septembro, kelkajn semajnojn ĉe fremda familio. Li donus volonte franclingvajn lecionojn. Oni skribu: Marcel Leroux, instruisto, Ecole du Centre, Graville St-Honorine, Seine Inférieure, Francujo.

KOLEKTANTO deziras ricevi belegajn il. poŝtkartojn (po 10—50 pecoj, 4—5 povas esti egalaj) el ĉiuj landoj kun kondiĉoj: estu la bildkartoj 1e belegaj, montru nur vidindaĵojn; 2e laŭ ebleco bele kolorigitaj; 3e tute puraj; 4e sendotaj kiel presaĵo en dika papero bone kovrite. Rekompence estas tuj sendotaj sama nombro da belegaj kartoj pri Budapest aŭ aliaj urboj de Hungarujo. Adreso: Andreo Cseh en Puj, depart. Hunyad, Hungarujo.

WEINBÖHLA. — Ĝardenurbo de Dresden. Agrabla loĝado. Esperantaj prospektoj haveblaj ĉe Magistrata domo (Rathaus), instruisto A. Sohrmann, Kronprinzenst. 5.

Skribu viajn Esperantajn Korespondaĵojn per „DEXTA" FONTAN PLUMINGO

14-karata Ora Plumo, kun Iridia Pinto

**Prezo: 8 ŝ. (4 Sm.) afrankite**

**W. G. HARRISSON,** Esperanto-Oficejo, 61, Lower Clapton Road, LONDON, Anglujo, N. E.

## Esperanta Biblioteko Internacia

Tiu ĉi biblioteko enhavas facilajn legaĵojn de ĉiulandaj eminentaj esperantistoj. Ĝi tial bonege taŭgas por ekzercado de la lingvo, ĉu dum la grupaj kunvenoj, ĉu per privata legado. Ĝis nun aperis N-oj 1—24. La kolekto estas daŭrigota.

*Ĉiu libreto enhavas 40—50 paĝojn.*
*Prezo por kajero 0.100 Sm (0.20 M)*
*(duoblaj numeroj 0.200 Sm).*
*Serio da 12 volumoj (afrankite) 1.250 Sm (2.50 M), eksterlanden 1.400 Sm.*

**Studo per Ludo** Kvartet-Ludo por amuzo kaj por lernigi la konversacion en Esperanto. Konsistas el 100 kartoj kun 100 zorgeme elektitaj frazetoj de la ĉiutaga vivo. *Prezo: Sm 0.700 afrankite.*

**Germana Esperantisto** Duonmonata gazeto por la disvastigo de la lingvo Esperanto.

Oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio.

Eldono A, eliranta la 5an de ĉiu monato, celas la propagandon de Esperanto.

Eldono B, eliranta la 20an de ĉiu monato, estas pure literatura. En ĉiu numero ilustraĵoj.

**Jara abonprezo por ĉiuj landoj M. 4.80 (2.400 Sm).**
**Ĉiu el ambaŭ eldonoj aparte M. 2.40 (1.200 Sm).**

**Ader & Borel G. m. b. H., Esperanto-Verlag, Dresden-A. 1,**
Struvestrasse 40.

## „LA ONDO DE ESPERANTO“

**MONATA ILUSTRATA REVUO**

(fondita en la jaro 1909)

La abonantoj de la j. 1912 jam ricevis **senpage** romanon de A. Tolstoj *Princo Serbrjanij*, kies prezo por ne-abonintoj estas **Sm. 1.60 afr.** Nun ĉiu abonanto de la j. **1913** — krom 12 n-roj de l'gazeto — **senpage** ricevos **donace** belan Esper. libron:

**„ORIENTA ALMANAKO“**

*el la lingvoj japana, ĥina, araba, hinda, sanskrita, versa, armena, kartvela, k. t. p., k. t. p.*

„La Ondo“ aperas akurate la 1-an daton, novstile. Ĉiu n-ro havas 16-21 paĝ. Formato 17-26. Bela kovrilo.

Literaturaj konkursoj kun premioj. Portretoj de konataj Esperantistoj. Diversaj ilustraĵoj. Beletristiko originala kaj tradukita. Plena kroniko Bibliografio. Amuza fako (kun premioj) Anekdotaro. Korespondo tutmonda (Poŝtk. ilustr.).

**Anonco en „Koresp. Fako“ — 3 respondkuponoj**

La abonpagon **(2 rubl.: 2, 120 Sm.)** oni sendu al librejo *Esperanto* **(Moskvo, Tverskaja, 26, Ruslando)** aŭ al aliaj Esper. librejoj — poŝtmandate, respondkupone, papermone, per bankĉekoj aŭ per transpag. de Esp. ĉekbanko.

**Oni abonas pere de:**
Universala Esperantia Librejo
*10, rue de la Bourse. — Genève (Svisujo).*

## Esperantista Kantaro

Dua eldono. — 6a—10a milo

Kolekto de germanaj internaciaj kaj popolkantoj, esper. de L. E. MEIER, D-ro L. ZAMENHOF, F. PFEIL, AD. ŜEFER, C. C. BICKNELL kaj aliaj. Kunmetitaj de WILHELM FRIES

TEKSTARO: broŝurita Sm. 0.250; kartonita Sm. 0.300
MUZIKA ELDONO Sm. 0.500

*Neniu samideano, neniu kunveno estu sen tiu vera internacia kantotrezoro!*

**GERMANA ESPERANTO-LIBREJO, LEIPZIG**
**40, Sternwartenstrasse 40**

NOVA LIBRO:

D-RO ANDREO FIŜER. *Historieto de Esperanto* (premiita de la VII-a Kongreso), 48 paĝoj. — Prezo: Sm. 0,200. Haveblaj ĉe la aŭtoro (77, Elisaget-str. *Tiflis*, Rusujo) kaj en Universala Librejo (Genève). Transpagiloj de Ĉekbanko Esper. kaj internac. respondkuponoj estas akceptataj.

D-RO ANDREO FIŜER. *Esperanta Legolibro*, dua eldono kompletigita, 116 paĝoj. — Prezo: Sm. 0,300.



**NOVA**

**estas la plej eleganta Poŝbruligilo!**

Prezo: unuope 0.300 Sm. (afrankite)
deko 2.000 „ ĉiulanden!

Je alsendo de respondkupono aŭ poŝtmarkoj je valoro de 10 sd. ni sendas **SENKOSTAN** specimenon.

Oni petu mian esperantan prezaron pri poŝbruligiloj, tranĉiloj, rasiraparatoj, horloĝoj k. t. p.

**GEORG REINER, Berlin-Rummelsburg,**
**Marktstrasse 1**



## Fabrikejo de flagoj, standardoj kaj blazonoj
## Hutmacher-Schalch

**Telefono 1411 — BERN — Lorrainestr. 1**

**Ĉiuspecaj dekoraciaĵoj por festoj. — Dekoracioj por Salonoj. — Flagoj por hoteloj, administrejoj, ĝardenoj, k. t. p. — Stangoj kaj suprenlevig-aparatoj. — Flagetoj el silko en 6 grandspecoj. — Impresega tabla dekoracio.**

ESPERANTO-FLAGOJ

ESPERANTO-KONGRESO EN BERNO

# NIESEN-FERVOJO

24.—31. AŬGUSTO 1913.



**KULM 2367 m. — Bern'aj alpoj.**

Veturdaŭro de Bern - Niesen - Kulm 2¹/₄ h. Oportunaj duontagaj-ekskursoj de Bern en la Alpojn. — Interesega veturado. — Grandioza altmontar-panoramo. — Prezo de reveturo Mülenen - Niesen - Kulm Fr. 10.—. Por vojaĝantaj societoj kaj familioj konsistantaj el minimume 3 personoj rabato da 10—30%. Kombinita bileto por veturado, vespermanĝo, ĉambro kaj matenmanĝo en la hotelo Niesen - Kulm Fr. 17.—. — Prospektoj senpage de la Direkcio en MÜLENEN apud SPIEZ (Berna Kantono).

# Hotelo kaj Kuracejo „Gurtenkulm“

861 m s. m. apud Bern (Svislando). 861 m s. m.

Pruvita aerkuracejo kun preferata duonalpara klimato kaj multe da arbaro. Refreŝigejo post uzado de banoj. Transira stacio inter ebeno kaj montaro. Nova bone konstruita familia hotelo unuaranga kun ĉiu komforto kaj ĉiuj higienaj instaloj de la moderna tempo. — Arbara parko. — Restoracio por vojaĝantoj. — Unu el plej mirindaj alparpanoramoj de Svislando. — Sezono: Majo—Oktobro.

## Elektra Fervojo al Gurten.

Stacidomo Bern — Gurtenkulm per tramveturilo kaj ŝnurfervojo 30 minutojn.
Veturo monten Fr. 1.20, valen 60 Ct., iro kaj reveno Fr. 1.50.
Prospektoj ĉe la Oficiala Informejo en la stacidomo.

La artefarita




**Nova kuracmetodo!**

Por malsanoj de la asimilo, de la sango kaj por malsanoj de la koro kaj de la nervoj k.a. Oni mendu prospektojn esperantajn (senpage) aŭ broŝureton (20 Sd.).

BERLIN NW 6, Luisenstr. 51. — DU FAKKURACISTOJ.
Oni parolas esperante! Direktoro: D-ro BREIGER.

Helpu Esp-Movadon en Oriento!

JAPAN TRADE REVIEW Monata Ilustrita Revuo kun
ESPERANTA FAKO Jare: 2 Sm. Unu kajero: 20 Sd.

AGENTECA FAKO
en kiu oni vendas Japanaĵojn; reprezentado de ĉefaj japanaj fabrikistoj; oni petu detalojn.
*Specimena N-ro 1 respondkupono.*
JAPAN TRADE REVIEW, 4 Yurakucho-Itchome
TOKYO, Japanujo.

Nur por 1 Sm. ĉiu povas akiri al si belegan elekton da diversaj Esperante ilustritaj poŝtkartoj, mendante ilin nur en

**ESPERANTISTA POŜTKARTEJO**
**de Samuelo ŜULC**
LODZ (*Rusl.-Polujo*), *Konstantinowska, nº 49*
Pagebla ankaŭ per ĉekoj de Ĉekbanko Esperantista. Prezaroj senpage kaj afrankite.





# ESPERANTO-TRANĈILO

Tre elegante farita kun nigraj ŝtalŝeloj kaj verda
Esperanto-stelo . . . Sm. 1.— (M. 2.—)
kun blankaj ŝeloj kaj verda
Esperanto-stelo . . . Sm. 0.75 (M. 1.50)

## Radet-bruligilo

plej nova modelo . . . Sm. 0.40 (M. 0.80)

Petu la Esperantan prezaron.

**F. G. Jüngel, Dresden-A. 27.**


PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO